


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

6a jaro Julio 1936 N-ro 61

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura*, 74.

## Agendpaĝo por la nuna monato

*Mi skribos al «Politiken» (adreso sur la antaŭa numero «Eksterlanda kroniko») pri la propagando de Esperanto per radio en Danujo.*

*Mi konsideros ĉu mi povas esti kunlaboranto de «Orienta Kulturo» (adreso sur la junia numero «Eksterlanda kroniko»).*

*Mi mendos la tri novajn gvidbroŝurojn pri Aŭstrujo anoncitaj sur la paĝo de ci-tiu numero.*

## RESUMEN DEL ACTA LXXVII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 14 de mayo de 1936, se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Fijar en ocho los días de dietas del vicesecretario en el Congreso de Barcelona.

3.° Se dió cuenta de varias cartas del Comité Organizador del Congreso de Barcelona, con noticias que se publican en la Revista de junio.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## RESUMEN DEL ACTA LXXVIII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 23 de mayo de 1936, se tomaron por unanimidad los acuerdos siguientes:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Se leen la Memoria y las cuentas que han de ser presentadas ante el Congreso de Barcelona, y son aprobadas.

3.° Se lee un acta de la reunión celebrada el 17 del corriente por los heaanos de Castilla la Nueva. Se acuerda llevar el asunto al Congreso, donde se harán las aclaraciones oportunas.

4.° El vicepresidente D. Luis Rodríguez Escartín presenta la dimisión de su cargo, fundándose en que sus ocupaciones profesionales se impedirán, a partir del próximo mes y durante bastante tiempo, desempeñarlo debidamente. Se acuerda proponer en el Congreso de Barcelona la elección del nuevo vicepresidente, y que conste en acta el sentimiento de la Junta por esta contrariedad.

5.° En vista de que el segundo lunes de junio es el día 8, fecha muy inmediata al Congreso, se acuerda que la Junta ordinaria mensual del mes de junio se celebre el día 15.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## RESUMEN DEL ACTA LXXIX DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 16 de junio de 1936, se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Dar un voto de gracias al Comité Organizador del Congreso de Barcelona, por la excelente labor de propaganda y organización que ha efectuado.

3.° Aprobar el despacho ordinario de Secretaría.

El vicesecretario D. Jacinto Martín da cuenta de las tareas del Congreso de Barcelona. (Véase en otro lugar de este número la labor realizada).

En el Congreso han sido reelegidos el vicetesorero, la bibliotecaria y el secretario, y elegidos en sustitución del presidente y vicepresidente (que habían presentado la dimisión porque sus deberes profesionales no les dejan tiempo libre), D. Julio Mangada y D. Francisco Azorín, respectivamente. Como estos señores se hallaban presentes, se les hizo entrega de su cometido.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## —o— AVISOS —o—

**1.° Como en muchos de los años anteriores, HISPANA ESPERANTO-GAZETO no se publicará en agosto; el próximo número se publicará en septiembre.**

**2.° Quienes deseen recibir el «BES-adresaro» de 1937 y no hayan abonado todavía la cuota de 1,50 pesetas, deberán hacerlo inmediatamente, pues en breve hemos de enviar al editor todas las fichas que tenemos hechas.**

**3.° Para el más rápido despacho de los asuntos, rogamos a nuestros lectores que continúen enviando todos los giros al tesorero D. Benito Anguiano (Paseo de Extremadura, 74); pero toda la correspondencia, incluso los avisos relativos a los giros, envíese siempre al Apartado de Correos 1.089.**

**4.° Seguramente mediante el «BES-adresaro», unos señores se dedican a enviar una revista, hablando del esperanto reformado, a todos los miembros de H. E. A.; la lengua, que dicen ser esperanto, es un galimatías que ocupa un lugar avanzado en la serie de reformas, hasta el extremo que de poco en poco tiempo lo escrito en ella varía de una manera notable, cayéndose en un verdadero caos lingüístico o babel. No es cosa para tomarlo en serio; así, pues, aconsejamos a nuestros consocios la indiferencia más absoluta para cuanto supone tal propaganda.**

# XIa HISPANA ESPERANTO-KONGRESO

LA XIa HISPANA ESPERANTO-KONGRESO ESTIS GRAVA SUKCESO. La Honoraj Prezidantecoj estis akceptitaj de la plej altaj aŭtoritatuloj.

**Honora prezidantaro.**—Liaj Moŝtoj: la Prezidanto de la Respubliko, S-ro Manuel Azaña; la Prezidanto de la Hispana Registaro, S-ro Santiago Casares Quiroga; la Prezidanto de Katalunujo, S-ro Lluís Companys, kaj la Ministro de Publika Instruado kaj Belartoj, S-ro Francisco Barnés.

**Honora membraro.**—Liaj Moŝtoj: la Rektoro de la Barcelona Aŭtonoma Universitato, D-ro P. Bosch Gimpera; la Prezidanto de la Barcelona Komerca kaj Navigacia Ĉambro, S-ro Félix Escalas; la Direktoro de la Observatorio Fabra, S-ro J. Comas y Solá; la Prezidanto de «Ateneo Barcelonés», S-ro Eduard Fontseré, kaj la Ceremonia Ĉefo de la Barcelona Urbestraro, S-ro Manuel Ribé.

**Inaŭguracia soleno.**—Merkredon, la 3-an de junio 1936. Je la 11-a matene okazis la Solena Malferma Kunsido de la Kongreso en la Festa Salono de la Barcelona Komerca kaj Navigacia Ĉambro.

Antaŭ la malfermo de la Kongreso formiĝis, laŭregulare, la plejaĝa Komitato, konsistanta el: prezidanto, S-ro Julio Mangada; sekretario, S-ro Mikaelo Ribas de Pina, kaj voĉdonanto, S-ro Francisko Azorín. Tiu ĉi Komitato el Plejaĝuloj elektis la sekvantan Kongresan Komitaton:

Prezidanto, S-ro Francisko Piñol; vic-prezidanto, S-ro Jozefo Anglada; sekretario, S-ro Francisko Gorgues; vic-sekretario, S-ro Anĝelo Valdepeñas; kaj voĉdonantoj: S-ro Francisko Azorín Izquierdo, S-ro Teodoro Carrasco de la Villa kaj S-ro Jozefo Carnicer.

La du lastaj estis plie nomataj ekzamenantoj de la kalkuloj de Hispana Esperanto Asocio. La Kongreskomitato, kune kun la reprezentantoj de Korporacioj kaj Aŭtoritatuloj kaj kelkaj gekomitatanoj de la Organiza Komitato de la Kongreso, formis la Prezidantaron de la Inaŭguracia Soleno. S-ro Piñol oferas la Prezidantecon al S-ro Escalas, prezidanto de la Komerca Ĉambro, kaj ĉi tiu afable dankas lin kaj petas, ke li bonvolu resti en sia loko.

Tuj S-ro Piñol mallonge konigas la signifon de la Naciaj Kongresoj de Esperanto, kaj poste S-ro Anglada legas la ricevitajn aliĝojn de Esperantistaj Societoj kaj Oficialaj kaj Privataj Korporacioj, kies nomojn oni vidos en la apartaj listoj de tiu ĉi bulteno.

S-ro Mangada salutis la Kongreson per parolado, en kiu li trafe

resumis la celojn de Esperanto kaj la neŭtralecon de ties Kongresoj; D-ro Angel Valbuena, reprezentanto de la Rektoro de la Barcelona Aŭtonoma Universitato, salutis kaj bondeziris la Kongreson kaj per elokventaj frazoj esprimis la deziron, ke antaŭ la lingva Babelo, Esperanto estu la helpilo al la diversnaciaj rilatoj por la Scienco; S-ro Félix Escalas, prezidanto de la Barcelona Komerca kaj Navigacia Ĉambro, en sia bonveniga parolado diris, ke inter la multenombraj materialaj baroj (valutoj, doganoj, k. a.), kiujn suferas la Komerco kaj Trafiko inter la malsamaj landoj, Esperanto prezentas la solvon al unu el la bazaj malfacilaĵoj, nome tiu de la multeco de lingvoj; S-ro I. Bassa Sagrera, advokato, reprezentanto de la Barcelona Ĉambro de Domposedantoj, en sia saluto trafe rilatigis la spiriton de la posedaj rajtoj, bazo de la ordo, kun la respekto, kiun la esperantistoj havas kaj postulas por la lingvo Esperanto, kiun ili akiris kaj defendadis per sia konstanta laboro. Ankaŭ salutis la reprezentanto de la deputitaro de Burgos, S-ro Manuel Ribas de Pina.

Nome de la esperantistoj reprezentataj salutis por la Asturianoj kaj Galicianoj, S-ro Mangada; por la Malnovkastilanoj, S-ro Ribas de Pina; por la Aragonanoj, S-ro Jozefo Carnicer; por la Novkastilanoj, S-ro Jacinto Martín; por Valencio, S-ro Rafael Palomares; por Baskujo, F-ino Karmeno Bengoechea, kaj por Andaluzio, la eksdeputito de la Hispana Prepara Parlamento, S-ro Francisko Azorín. S-ro Francisko Vilá, membro de la Organiza Komitato, bonvenigis la gekongresanojn je la nomo de la Katalunaj Esperantistoj.

En sia salutparolado, S-ro Azorín akcentigis la fakton, ke laŭ notoj kaj artikoloj aperintaj en unu ĵurnalo el Barcelono, la kunvenintoj en ĉi tiu Kongreso estas malamikoj de Katalunujo. Post la paroloj de S-ro Mangada kaj de la aliaj parolintoj, evidentiĝis, ke la celoj de Esperanto kaj de nia Kongreso neniel povas esti kontraŭaj al Katalunujo. Kiel povas esti malamiko de Katalunujo, li deklaris, mi, kiu, kiel deputito en la Prepara Parlamento, voĉdonis por la Kataluna Statuto?

La inaŭguracia soleno, kies sukceso estis tre brila, finiĝis je la 12 h. 30 m. posttagmeze.

Merkredon, la 3-an de junio je la 4ª posttagmeze:

Vizitoj al la Industria Lernejo, Templo de Sta. Mario de l' Maro kaj Palaco de la Kataluna Ĝeneralregistaro.

Je la 7ª vespere, Oficiala Malfermo de la Esperanta Ekspozicio ĉe la Zamenhof-Instituto. La Ekspozicio estis multenombre vizitata, kaj krom la diversaj publikigaĵoj: afiŝoj, broŝuroj, prospektoj, libroj, poŝtkartoj, k. t. p., vekis specialan atenton la originala modelo de la kongresmedalo, verko de la Madrida artisto S-ro Jacinto Martín,

insigno, kune kun la emblemoj de Esperanto kaj de Barcelono, prezentas Barcelonan artan monumenton unikan en la mondo: la Templon de la Sankta Familio, kiun oni ŝuldas al la genio de la kataluna arĥitekto S-ro Gaudí.

Jaŭdon, la 4-an de junio, je la 9ª matene: Vizito al la Parko de 'Montĵuik' kaj 'Miramar'.

Je la 3ª posttagmeze: Vizito al la Bierfabriko Damm, kaj al la Templo de la Sankta Familio.

Je la 7 h. 30 m. vespere: Unua Laborkunsido ĉe «Ateneo Barcelonés».

Prezidas S-ro J. Anglada pro nealveno de S-ro Piñol. Kiel sekretario agas S-ro Vilá.

S-ro Jacinto Martín, vic-sekretario de la Hispana Esperanto-Asocio, legas ampleksan raporton pri la agado de la dirita Asocio dum la pasinta jaro, kiu montras la viglan laboradon de nia Asocio kaj kiu estas unuanime aprobita.

S-ro Carrasco de la Villa, kiel membro de la Komitato, kiu ekzamenis la kalkulojn de H. E. A., legas la aproban informon de tiu Komitato.

Dume alvenas S-ro Francisko Piñol kaj S-ro Anglada cedas al li la Prezidantejon.

S-ro Anglada petas, ke la kunsidantoj staru silente dum momento je la memoro de la estimata sekretario de H. E. A. kaj prezidanto de ĝia Instituto, kiu mortis en la pasinta jarperiodo, Pastro Mariano Mojado, al kiu la Asocio devas esti tre dankema pro lia konstanta laborado por nia celo. Oni faras tion, kaj S-ro Piñol petas, ke oni etendiĝu tiun kondolencan manifestacion al la ceteraj gesamideanoj falintaj en niaj vicoj.

S-ro Jacinto Martín legas proponon de S-ro Régulo Pérez, el Sankta Cruz de la Palma, por la organizo fare de H. E. A. je du Literaturaj Konkursoj kun premioj, sub karaktero eksperimenta aŭ prova. Per la unua Konkurso estus premiita la aŭtoro de la plej bona Esperanta originale verkita novelo aŭ romaneto (mona premio); la dua Konkurso premius per libroj la plej bonan tradukon el literaturaĵo de fama aŭtoro, indiferente el kiu ajn lingvo aŭ literaturhavaj dialektoj parolataj en la tuta teritorio de la Hispana Respubliko.

S-ro Carnicer parolas pri ĉi tiu temo.

S-ro Piñol proponas, ke oni daŭrigu morgaŭ la diskutadon, tial ke baldaŭ oni devos foriri por ĉeesti la Esperantan Koncerton.

S-ro Azorín petas la parolon por orda afero kaj proponas, ke estu nomata komisiono por studi la aferon.

S-ro Mangada apogas tiun proponon, tial ke oni ne publikigis la plenan tekston de la propono en HISPANA ESPERANTO-GAZETO.

S-ro Martín diras, ke la propono ne estas nova, ĉar oni jam faris Literaturan Konkurson okaze de la Hispana Esperanto-Kongreso en Sevilja.

Oni aprobas la proponon de S-ro Azorín kaj elektas komisiono el S-roj Azorín kaj Carnicer por studi la proponon de S-ro Régulo.

S-ro Piñol petas, ke oni legu la alian proponon.

S-ro Martín ĝin legas; ĝi temas pri altigo de la HEA-kotizo ĝis dek pesetoj, ĉar laŭ la opinio de la proponinto, S-ro Alberto Barcia, la nuna dupeseta kotizo estas tro malalta kaj estas necese, ke la membroj helpu la Asocion.

Oni finas la kunsidon je la 8 h. 30 m. vespere.

Je la 9 ½ nokte okazis en «Sala Mozart», la plej konata koncertejo de klasika muziko el nia urbo, honore al la gekongresanoj, granda Kultura Festo de Esperanto.

S-ro Julio Mangada faris paroladon en hispana lingvo pri la popolaj kantoj kaj Esperanto. En sia admirinda parolado li plene pruvis la taŭgecon de Esperanto, kiel esprimilo de sentoj por la literaturo, speciale por tiu, kiu konsistigas la tekston de tiuj literaturaj perloj nomataj popolaj kantoj. Ankaŭ li legis en Esperanto tekstojn de popolaj kantoj tradukitaj el diversaj lingvoj, kio estis pruvo ne nur pri la fleksebleco kaj adaptebleco de la lingvo Esperanto, sed ankaŭ pri ties belsoneco.

La eminenta solistino de «Orfeó Catalá» (la plej fama Kataluna ĥora societo), S-ino Andreua Fornells kaj la aplaŭdita baritono Joan Sayós, kiuj lernis speciale por tiu Festo la tekstojn de la kantoj en Esperanto, akompanataj de la lerta pianistino Concepció Raduá, kantis laŭ la artisteco, kiu ilin karakterizas la sekvantan repertorion:

I. Malsana pro Amo (Mallorca).
II. Dum lulas patrino (Kataluna).
III. Paŭlo brava, Petro brava (Hungara).
(Kantataj de S-ino A. Fornells).
IV. Sur la kampo rosoj brilis (Hungara).
V. Kanto de riverbordano (Salamanka).
VI. Kanto de l' Mantambureto (Galicia).
VII. Mi ŝin vidis (Asturias).
VIII. Bona ĉasisto (Kataluna).
IX. Katerino (Franca).
(Kantataj de S-ro Joan Sayós).
X. La Pomarbo (Vaska).
XI. Mi ŝin vidis ploranta (Santander).

XII. Kanto de l' Tagiĝo (Aragona).
(Kantataj de S-ino A. Fornells).
XIII. Granda danco (León).
XIV. Kanto de l' Montaro (Avila).
(Kantataj duete de ambaŭ geartistoj).

La geartistoj kantis bele klaj klare. Oni estus kredinta, ke ili estis longjaraj spertaj esperantistoj. Plie ĉiu teksto estis legita en hispana lingvo antaŭ ĉiu kanto, fare de la deklamisto S-ro Francisko Vilá. Poste tiu ĉi lasta deklamis la poemon de Zorrilla «Oriental» en hispana lingvo kaj la tradukon en Esperanto verkitan de S-ro Julio Mangada. Ankaŭ li deklamis «Himne a la Bandera de l'Esperanto» (Katalune), de S-ro Jozefo Anglada.

Finiĝis la festo per ludado de la esperantista himno «La Espero», kiu estis respekte aŭskultata stare de la multnombra ĉeestantaro.

Estis oferitaj al la artistinoj grandaj kaj belaj florbukedoj kun kataluna silka banto. Al la ĉeestintaj standardoj de Hispana Esperanto Asocio kaj de Zamenhof-Instituto estis surmetitaj belaj bantoj kun la katalunaj kvar ruĝaj strioj sur flava fundo, kun la nomo de la urbo kaj jaro broditaj kaj kun ora franĝo.

La festo, kiu estis tre sukcesa, lasos neforgeseblan rememoron al ĉiuj partoprenintoj.

Vendredon, la 5-an de junio 1936.

2ª Laborkunsido ĉe «Ateneo Barcelonés».

Komenciĝas la kunsido je la 10ª matene.

Prezidas S-ro Francisko Piñol. Agas, kiel sekretario S-ro Jozefo Anglada. Li legas la protokolon de la antaŭa kunsido, kiun oni aprobas.

S-ro Mangada diras, ke li portas la reprezentadon de ĉiuj HEAanoj de Nova Kastilujo, kiuj ne ĉeestas kaj de tri HEAanoj el Gijón.

Oni transiras al la elekto de novaj postenoj por la Estraro de HEA.

S-ro Mangada sciigas, ke la nuna prezidanto de HEA ne plu estas tio, ĉar li ne interesiĝas pri la Asocio, tial ke li ankoraŭ ne repagis la kotizon de la nuna jaro, kaj ke la vic-prezidanto eksiĝis el sia posteno. Tial, kvankam estus bone, se oni povus reelekti la tutan Estraron, estos nepre necese elekti novajn membrojn por okupi la du montritajn postenojn.

S-ro Anglada proponas, ke S-ro Mangada estu elektita prezidanto, ĉar li kredas, ke la dirita samideano estas la persono, kiu plej multe laboris kaj laboras por la Asocio, kiu fondis ĝin, kaj dank' al kies klopodoj la HEA ĝuas ŝtatan subvencion, kaj ke estu elektita vic-prezidanto S-ro Azorín, persono, kies esperantistaj meritoj estas de ĉiu konataj kaj kiu ankaŭ montris en diversaj okazoj sian amon al la

Asocio; favorigas tiun proponon la cirkonstanco, ke nun S-ro Azorín loĝas en Madrido, sidurbo de HEA.

Tiu propono estas unuanime kaj aklame aprobita; ankaŭ oni aprobas la reelekton de la ceteraj postenoj, restante la Estraro de HEA, kiel sekve:

Prezidanto: S-ro Julio Mangada Rosenörn.

Vic-prezidanto: S-ro Francisko Azorín Izquierdo.

Sekretario: S-ro Ferdinando Redondo Ituarte (reelektita).

Vic-kasisto: S-ro Ferdinando Molina Acosta (reelektita).

Bibliotekistino: F-ino Visitación Martín Gómez (reelektita), restante en siaj lokoj pro neankoraŭa ĉeso, laŭregulare:

Kasisto: S-ro Benito Anguiano Escolar, kaj

Vic-sekretario: S-ro Jacinto Martín Lozano.

S-ro Mangada faras iom da historio pri la agado de HEA kaj parolas pri la propono por plialtigo de la kotizo. Li diras, ke pri tio oni ne povas decidi en la Kongreso, ĉar temas pri afero, kiu postulus ŝanĝon de la Regularo en kunsido kunvokita speciale por tiu celo. Li diras, ke se iu membro volas helpi la Asocion, nenio malhelpas lin, ke li altigu al si propravole la kotizon, faru mondonacon aŭ aĉetu librojn aŭ eldonaĵojn de HEA.

S-ro Anglada esprimas sian opinion, ke se HEA altigus sian kotizon, la nombro da membroj malkreskus, sen ia profito por la aliaj societoj, kaj kun malutilo por la Esperanta Movado en Hispanujo, ĉar, kompreneble, la esperantisto, kiu estas membro de HEA nur pro tio, ke ĝia kotizo estas malalta, lasinte la HISPANAN ESPERANTO-GAZETON, dubeble abonus alian Esperantan gazeton pli multekostan. Li, tamen, proponas, ke en HISPANA ESPERANTO-GAZETO oni presigu regule la rekomendon, ke estas konvene, ke ĉiu membro de HEA, kiu ne helpas mone la Asocion, sed nur profitas de ĝia subvencio, aniĝu al iu loka societo aŭ grupo por protekti la Esperantan movadon kaj propagandon.

S-ro Mangada diras, ke la Statuto de HEA jam permesas, eĉ rekomendas, ke la esperantistoj ariĝu loke, profesie, k. t. p., laŭ sia artikolo 3ª, sed ke de nun oni ankaŭ rememorigos tion per la Gazeto.

S-ro Anglada petas, ke la rekomendo estu en la senco montrita, t. e., ke oni prefere aliĝu al la societoj kaj grupoj jam ekzistantaj, precipe al la neŭtralaj.

S-ro Azorín prezentas dokumenton, kiu tekstas jene:

«Propono Régulo pri Literaturaj Konkursoj.—Informo de la Kongresa Komisiono Azorín kaj Carnicer.

La aŭtoro, S-ro Régulo, proponas aranĝi du Konkursojn: 1ª. Internacia, por originale verkitaj noveloj; 2ª. Nacia por tradukoj.

Tro ambiciema la unua. Ĉe ni ne ekzistas ankoraŭ bukedo de ver-

kistoj kaj recenzistoj internacie famaj, por nin arogi la rolon de literaturgvidantoj. Se almenaŭ ni estus riĉegaj, ni povus—kiel Nobel ĉe Svedujo—oferi altan premion al la esperanta internacia beletristiko, sed, bedaŭre, ankaŭ, ni ne posedas tian kvaliton.

La duan proponon ni povas akcepti, sed nur por kastillingvaj tradukaĵoj. Pri la aliaj lingvoj jam prizorgas specialaj grupoj (ekzemple, «Kataluna Antologio»). Plie mankus al ni kompetentaj neŭtralaj juĝistoj.

Ateneo Barcelonés, 5ª de junio 1936.—Subskribas : *F. Azorín*.

S-ro Carnicer ekveturis Zaragozon pro familia alvoko ; pro tio nur mi subskribas.—*F. A.*»

Estas aprobita la informo de S-roj Azorín kaj Carnicer, kaj S-ro Anglada proponas, ke HEA organizu Konkursojn kun libraj premioj, simile kiel faras aliaj societoj, ekzemple «Brita Esperanto-Asocio», sed por esperantaj propagandaj kaj organizaj temoj, simile kiel oni faris ĉe la Sevilja Esperanto-Kongreso, en la jaro 1928.

S-ro Mangada montras sian simpation por tiu propono ; li diras, ke ĝuste tiuj temoj estis sugestiitaj de li por la aludita Sevilja Literatura Konkurso. Pri la unua parto de la informo Azorín-Carnicer, li deklaras, ke kvankam ni posedas en nia lando bonajn esperantajn verkistojn kaj recenzistojn, kiel ekzemple S-inon Amalia Núñez Dubús, el Pamplona, la ĉefa malhelpo estas ne posedi riĉecon por la premioj.

Finiĝas la kunsido je la 11 h. 30 m. matene.

Tuj la ĉeestantoj veturis al Montjuik', kie ili vizitis la t. n. Hispanan Vilaĝon, vidindaĵo konstruita dum la Internacia Ekspozicio, Barcelono 1929, kiu prezentas stratojn, placojn kaj diversajn konstruaĵojn el multaj regionoj Hispanaj.

Poste oni iris al la Arta Muzeo de Katalunujo, kiu troviĝas sur la sama Montjuik', en la Nacia Palaco, konstruaĵo impona pro sia grandiozeco kaj tre taŭga ejo por enhavi la tie kolektitajn multevalorajn artaĵojn, unika Muzeo en la Mondo pri romanstila arto kaj murpentraĵoj.

Je la 3ª kaj duono posttagmeze oni vizitis la Parkon de la Citadelo, la Naturhistorian kaj la Geologian Muzeojn.

Je la 7ª vespere okazis ĉe la Ligo de Defendo Industria kaj Komerca la anoncita speciala kunsido de USE-Amikoj, ĉeestata de bona nombro de kongresanoj kaj prezidata de la Delegitoj por Hispanujo S-roj Jozefo Anglada kaj Francisko Gorgues kaj de la eks-deputito S-ro Francisko Azorín.

S-ro Anglada legas telegramon de la gazeto USE-EĤO (Eĥo de la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo), el Timiŝoara (Rumanujo), kiu salutas la Unuan USE-Kunvenon. Tuj sekve li klarigas la ĉefajn gvidpunktojn de la USE-Movado, celanta detrui samtempe kiel la moralajn, la materialajn landlimojn, kiuj per la de ili kaŭzata krizo, tiel multe

malhelpas la Esperantan Movadon, ke ili minacas igi Esperanton preskaŭ neuzebla pro malebligo de la internaciaj trafiko kaj rilatoj. Li montris, kiel la UŜE-Programo de S-ro Jozefo Zauner diferencas de tiu de «Paneuropa» de grafo Coudenhove-Kalergi je tio, ke la lasta ne priatentas la lingvajn malfacilaĵojn kaj eksterlasas Britujon kaj Rusujon el la kadro de la Unuiĝo. Li akcentigis ankaŭ la malsimilecon kun la projekto de S-ro Briand, ĉar tiu estis politika aranĝo, kiu devis esti trudita «de supre», dum la projekto de S-ro Zauner intencas vivigi ĉe la amasoj la konscion pri la Eŭropanismo sur la bazo de Esperanto (kiun li rekonas la Eŭropa lingvo) kaj de ĝia interna ideo. Ankaŭ diras li, ke la Eŭropo-Unio estas nepre necesa fundamento de la paco inter la popoloj de la tuta mondo.

Estis legitaj diversaj dokumentoj, inter ili la UŜE-Programo kaj La Dek Devoj de l' Eŭropanoj. Ankaŭ estis menciataj kelkaj propagandaj klopodoj de Barcelonaj Grupoj okaze de la Memorando de S-ro Briand.

S-ro Anglada petas la ĉeestantojn, ke ili esprimu sian opinion pri la afero de la kunveno.

S-ro Roca esprimas kelkajn dubojn. Li timas, ke la troa naciismo malebligos la Unuiĝon. Li citas ekzemplon, kie la naciismo kontraŭstaris, ke Esperanto estu alprenata en internacia kongreso, kaj li suspektas, ke se iam okazus unuiĝo, la homoj mem malunuiĝus denove. Fine, ke la ideo ŝajnas al li utopio. Ankaŭ li timas, ke pro la novnomigo «Eŭropa Lingvo», homoj de aliaj Kontinentoj kreus aŭ alprenus aliajn internaciajn lingvojn kun la nomo «Amerika, Azia, k. t. p.»

S-ro Azorín, mem ano de UŜE-EĤO, diras, ke ni, kiel esperantistoj, ne rajtas konsideri la aferon tia; ke Esperanto ankaŭ estis konsiderata kiel utopio, kaj ke ĉiam ni devas vidi kun simpatio kaj kunhelpi al tiuj ideoj celantaj, kiel UŜE, la detruon de la muregoj, kiuj dividas la naciojn. Ĉefe temas tie ĉi pri kreado de granda ekonomi-teritorio eŭropa, kiel iam estis atingita en Germanujo la «Zollverein», kiu donis al la unuiĝo prosperecon.

Ankaŭ parolis simpatie al la UŜE-Projekto S-ro Julio Mangada, kaj li rememorigas, ke en sia broŝuro pri Homaranismo li publikigis fragmentojn el la verko «Civitanoj de la Mondo», de turko Yervant H. Iskender, kiel ankaŭ la projekton de novzelandano H. E. Hyde pri Federacio de la Ŝtatoj. (Pri tiu ĉi lasta li parolis dum la UDKEILO en «Ateneo Barcelonés»). Ambaŭ celis la samon, t. e. la unuiĝon de la popoloj, kiel ankaŭ la pli alten evoluiĝinta projekto de UŜE, kaj kiel Homarano, li estas preta apogi ĉion, kio emas venigi interpopolan pacon kaj konkordon.

Resume, S-ro Anglada esprimis la sekvantajn faktojn :

Ke la Eŭropa lingvo estas la sintezo de lingvoj, kiuj fariĝis ankaŭ Amerikaj, kaj kiuj disvastiĝis ankaŭ en aliajn Kontinentojn kun la eŭropa raso kaj civilizacio.

Ke la projekto de S-ro Zauner alprenis kiel normon la naturan konstruevoluon «de malsupre supren», kaj ke ĝi priatentas ne nur la juran, sed samtempe la ekonomian bazon (valutoj, dogano, monopoloj, libera ekonomia evoluo, komuneco kaj redukto de la armeo, k. t. p.).

Ke la evolua direkto de la homaro estas pli unuiĝa, ol disiga, kaj ke ĝi havas kiel ĉefan fundamenton la nacilingvan komunecon. (Ekzemple, Hispanujo, Italujo, Germanujo, Ĉeĥoslovakujo, Usono, U. S. S. R., Brazilo, k. t. p.). La Konfederacio Svisa estas escepto: teritorio influata lingve de tri ĉirkaŭantaj potencoj, kies konkurenco garantias la sennaciecon de la lando.

Do, se la estiĝo kaj ekzistado de la naciaj lingvoj vekis la nacian konscion ĉe la popoloj, ne ekzistas kaŭzo, kial ni, eŭropanoj, ne povu vastigi la senton de nia nacieco pere de la Eŭropa lingvo, je la bono, unue de nia kompatinda Eŭropo kaj poste de la tuta mondo.

El la kunveno, kie estis debatitaj tiel gravaj problemoj, kaj kiu vekis tiel grandan intereson, evidentiĝis, ke la semo, el kiu devas ĝermi la mondaj paco kaj ekonomia bonstato, ne troviĝas aliloke, ol ĉe la disvastiĝo de la spirito de eŭropa solidareco, baze de la komuna helpa lingvo Esperanto.

Finiĝis la kunsido je la 8 h. 30 m. nokte.

Je la 9 h. 30 m. nokte okazis la 3ª kaj lasta laborkunsido ĉe Ateneo Barcelonés.

Prezidas S-ro Francisko Piñol.

S-ro Anglada legas la protokolon de la antaŭa kunsido, kiu estas aprobita.

S-ro Mangada diras, ke malgraŭ ke la afero estas malagrabla, oni devas paroli pri la agado kontraŭ HEA de la novaj delegitoj por Katalunujo. Tiu agado kaŭzis ke la Centra Komitato de HEA vidis sin devigata, laŭ la Regularo, sankcii la diritajn personojn por eksigo el la Hispana Esperanta Asocio, kaj ke nun la Kongreso, kiu estas suverena, devas decidi pri la afero.

S-ro Anglada diras, ke ne temas tie ĉi pri sankcioj aŭ punoj, sed nur pri apliko aŭ neapliko de la Regularo.

S-ro Roca petas ke la Kongreso estu indulgema pri tiuj personoj.

S-ro Mangada diras, ke la pruvoj de ilia agado kontraŭ la Asocio estas tute klaraj tial ke ili agis publike kaj per la ĵurnalo «El Diluvio» de Barcelona. Li legas la artikolon, subskribitan de S-roj Coll, Banet kaj Gisbert. Li diras, ke la Centra Komitato aprobis la elekton de S-roj Banet, Marín kaj Garganta kiel delegitoj, ke oni ordonis ilin

rilatiĝi kun la Organiza Komitato de la Kongreso por helpi ĝin kaj ke anstataŭ fari tion, ili daŭrigis sian publikan atakadon kontraŭ HEA en plej akra formo.

S-ro Piñol demandas, ĉu ili delegis S-ron Roca por defendi ilin.

S-ro Roca diras, ke li agas laŭ propra iniciativo, kaj ke neniu komisiis ion al li.

S-ro Valdepeñas diras, ke tial ke ili ne petis ion, nek ĉeestis, tio pruvas, ke ili estas konformaj kun la decido apliki la regularon.

La Prezidanto demandas, ĉu la Kongreso decidas apliki la Regularon. La unuanima respondo estas jesa; do restas eksigitaj el la Hispana Esperanto-Asocio S-roj Rafael Gisbert, José María Coll, José Banet Tort, Vicente Marín Gil kaj José Garganta Puig.

S-ro Piñol diras, ke oni devas paroli pri la venontan Kongreso de HEA.

S-ro Mangada diras, ke S-ro Carnicer proponis fari la venontan Kongreson en Zaragozo.

Post interparolado, en kiu partoprenis S-roj Mangada, Martín kaj Palomares, oni decidis atenti la deziron montritan de S-ro Carnicer, por ke la Centra Komitato decidu, kiam ĝi ricevos la oficialan peton de la Zaragozaj samideanoj.

S-ro Mangada prezentas la sekvantajn konkludojn:

I. Sendi telegramojn salutantajn, dankantajn kaj bondezirantajn al la Prezidanto de la Respubliko, al la Prezidanto de la Hispana Registaro, al la Ministro de Publika Instruado; samespriman skribaĵon al la Prezidanto de la Kataluna Registaro. Danki per skribaĵo ĉiun Provincan Deputitaron, Urbestraron kaj Institucion aliĝintan al la Kongreso, esprimante per la skribaĵojn la gravecon de nia afero kiel atestas, ke la Prezidanto de la Respubliko, de la Registaro, de la Generalitat, Ministro de Publika Instruado, akceptis la honoran prezidantecon, kaj ke la skribaĵoj parolu pri ĉi tiuj honoraj postenoj. Estas tre konvene kaj efike, ke la skribaĵoj citu la lokojn, kies Urbestraroj kaj Deputitaroj aliĝis al nia Kongreso, ĉar tiamaniere ĉiu institucio havos konscion bonan pli kaj pli pri la graveco de nia afero; ankaŭ al la ĵurnaloj Barcelonaj kaj «Ahora» de Madrid, escepte «El Diluvio», kaj al la Korporacioj kiuj cedis lokon.

II. Esprimi la plej korajn dankojn kaj profundan ĝojon al la Organiza Komitato de nia XI[a] Kongreso pro la aranĝo kaj sukceso ĝiaj. Same fari al la gekantistoj, pianistino, kaj samideano Vilá pro la simpatia, grava, sukcesa koncertfesto.

III. Ke ĉiumonate la gazeto instigu la samideanaron al plej vigla agado en ĉiu loko, en kunlaborado kun la ceteraj heaanoj de la regiono, sub gvidado de la regionaj voĉdonantoj, kun la aktiva konstanta morala

helpo kaj materiala helpo ebla de la Centra parto de la Komitato. La loka kaj regiona laboro celos varbi kiel eble plej multenombrajn samideanojn, vidigante la utilon de la aliĝo sen perdo de libereco individua kaj kolektiva, laŭ determinas nia regularo, por kio estas tre efika argumento konigi konstante al ĉiuj la 3-an artikolon de nia regularo, bonega bazo por tio; vidigante la profiton pere de la materialo, kiun liveras HEA per la dupeseta ĉiujara kotizo, argumento nekontraŭstarebla ĉar ĝi elpruvas la hispanan diron: «San Bruno da ciento por uno».

IV. Ke HEA prenu sur sin la decidon transdonitan al la fako de geinstruistoj por aranĝi senprokraste la konkurson de fremdaj lernejoj, por kiel eble plej baldaŭ prezenti vastan riĉan Internacian ekspozicion el lernejaj manlaboritaĵoj, kaj ceteraj lernejtaskoj, fotoj kaj el ĉio, kio vidigos plej komplete ĉiun lernejon.

V. HEAano apartenanta al du esperantaj apartaj organizaĵoj neniel, neniam povos okupi postenon en la Direktanta Komitato de HEA.

Oni aprobas la kvar unuajn konkludojn, kaj post diskutado S-ro Mangada retiras la V. S-ro Angladas proponas, ke en la Ekspozicio de lernejaj manlaboritaĵoj ekzistu fako de korespondado inter infanoj por montri la influon, kiun Esperanto povas havi por la Paco per la Lernejo, laŭ deziro esprimita de la Internacia Konferenco en Prago.

S-ro Mangada, kiel iniciatinto de la ideo de la ekspozicio, varme apogas la proponon de S-ro Anglada.

S-ro Roca petas, ke estu sendita telegramo al la Ministro de Publika Instruado petante la enkondukon de Esperanto en la Popolajn Lernejojn.

Post diskutado oni decidis, ke HEA faros sbrikaĵon petante tion.

S-ro Mangada dankas pro la Prezidanteco de HEA por kiu li estis elektita, kaj promesas, ke li faros, kiel ĝis nun, ĉion eblan por la progreso de Esperanto kaj HEA.

S-ro Valdepeñas proponas, ke oni insistu diskonigi la fakton, ke Esperanto estas rekonita kiel oficiala merito flanke de la Hispana Registaro.

S-ro Martín diras, ke por ke la Dekreto estu kiel eble plej efika estas necese rekomendi, ke la interesatoj mem, ĉe la okazo de opozicioj, ekzamenoj, k. t. p., postulu, ke oni priatentu la Dekreton aluditan, kiel faris ekzemple bibliotekisto el Seviljo, kiu ĝuste pro tio atingis sian postenon en opozicia ekzameno kontraŭ aliaj aspirantoj, kiuj ne sciis Esperanton.

Oni decidas insisti pri tio en HEG.

S-ro Anglada proponas, ke oni rekomendu ke la esperantistoj uzu

la Dekreton, kiu permesas la instruadon de Esperanto en Universitatoj kaj oficialaj centroj de instruado.

S-ro Azorín vidigas la malfacilaĵojn je tio, ĉar la Dekreto permesas, kondiĉe ke la direktoro de la koncerna instruocentro havu por tiu celo disponeblan lokon, kaj se li ne estas favora al Esperanto li neniam havas lokon.

S-ro Mangada konfirmas tion, kaj diras, ke oni devus klopodi fari grandskalan propagandon por enkonduki Esperanton, kiel eksperimentan instruobjekton, por ke en okazo de sukceso, pri kiu li estas certa, oni daŭrigu ĝian instruadon sub definitiva karaktero.

S-ro Piñol petas, ke je la fino de ĉi tiu kunsido salutu en siaj respektivaj lingvoj la Delegitoj de la diversaj hispanaj regionoj, kaj plenume de tiu peto salutas S-ro Azorín nome de Andaluzio, S-ro Rafael Palomares nome de Valencio, S-ro Ribas de Pina nome de Balearaj Insuloj, S-ro Martín nome de Nova Kastilujo, kaj S-ro Piñol nome de Katalunujo. Ankaŭ parolis je la nomo de la Hispanaj Blindaj Esperantistoj S-ro Antonio Martínez.

Fine S-ro Piñol dankas pro la Prezidanteco de la Kongreso, kiun li neniam estus supozinta ricevi, kaj li esprimas la konvinkon, ke la XIª Hispana Kongreso fariĝos plej granda stimulo por la disvastigo de Esperanto tra ĉiuj teritorioj de la Hispana Respubliko.

La sekvantan tagon, sabaton la 6-an de junio okazis tuttaga ekskurso al Montserrat partoprenata de bona nombro da samideanoj, kiuj ĝuis la vidon je la ravaj panoramoj kaj interesaj vidindaĵoj troviĝantaj en tiu unika monto.

Dimanĉon, la 7-an de junio estis vizitataj matene la Domo de la Ĉefdiakono kun ĝia Historia Arĥivo de la Urbo. La konata folkloristo S-ro Aureli Campmany, kiu zorgas pri tiu oficiala institucio, havis la afablecon gvidi nin tra la tuta konstruaĵo kaj donis al ni interesajn klarigojn pri la historio kaj arto de Barcelono.

Posttagmeze grupo de kongresanoj vizitis la Katalunan Parlamentejon la Zoologian Kolekton kaj Akvarion en la Parko de la Citadelo.

Lundon estis vizitata la Monto Tibidabo.

Al la Balearaj Insuloj, pro la krizaj nunaj cirkonstancoj, nur veturis malgranda grupeto de kongresanoj.

Ampleksaj raportoj pri la Kongreso kaj ties taskoj aperis sur la ĉefaj Barcelonaj jurnaloj. Ankaŭ aperis bildo de la solena malferma kunsido en «Diario de Barcelona».

* * *

# BILDOJ DE LA KONGRESO



*Supre: La Prezidantaro.—Malsupre: Grupo de kongresistoj.*

surtenas la velojn de goeleto, *gafo*. Malgranda trimasta ŝ., *lugro*. Malnova trimasta ŝ. hispana longa kaj mallarĝa, *karavelo*. la itala velŝipeto por fiŝkaptado, *balancelo*. Malnova granda portugala ŝ. por ŝarĝo, *karakeo*. Malnova ŝ. movata per remiloj kaj veloj, *galero*. Longa plata ŝipeto uzata precipe en Venecio, *gondolo*. Longa malprofunda ŝ., uzata por transveturigi pasaĝerojn de unu bordo de la rivero al alia, riverbordoj kunigitaj per kablo sur kiu glitas la rulbloko de la ŝ., *pramo*. Plata ŝ. uzata por transporto al proksimaj distancoj, *pontono*. Trabaro por surakva transporto de la ligno (*flosligno*), el kiu ĝi konsistas, *floso*. la ĥina velŝipo, *jonko*. Antikva ŝ. sen remiloj nek veloj uzata por iaj ceremonioj, *bucentaŭro*.

Ŝ. movata per vaporo, *vaporŝipo*. Malpeza eleganta promenŝipo, *jakto, jaĥto*. Jaĥto speciale konstruita por ŝipkurado, *kurjaĥto*. Vaporŝipo speciala por treni ŝipojn, *trenŝipo*; aro de la ŝ-j. trenataj, *trajno*. Granda vaporŝipo por transportado de pasaĝeroj, poŝtaĵoj kaj ŝarĝo, *pakboto*. Ŝipeto per kiu piloto aliras al pilotota ŝ., *pilotŝipo*.

Ŝ. konstruita por veturi enakve, *submara ŝipo*. Ŝ. nur veturanta laŭlonge de la marbordoj, *bordŝipo*. Malnova ŝ., kies mastojn oni forprenis kaj kiu servas kiel kazerno aŭ magazeno, *pontono*.

La ŝ. de Noaho, *arkeo*. Militistaj ŝ-j. (vidu «XLVII.—Militon»).

**Maristoj.**—Ŝipestro, *kapitano*. Gvidisto de ŝipo ĉe eniro aŭ eliro de haveno, *piloto*. M., kiu estas sur la supro de masto por observi, *observisto*. Maristoj kaj oficiroj de la militŝiparo (vidu «XLVII. Militon»).

**Veturo per ŝipo.**—Resti sur akvo, sur fluidaĵo, *flosi*. Vojaĝi sur akvo, *navigi*. Navigado, *navigacio*. Flosi laŭ la puŝo de la fluo aŭ de la vento, deviante el difinita vojo, *drivi*. Sistemo uzata por antaŭenirigi ŝipon, *ŝippelilo*. Turni velon al la vento, *brasi*. Malgrandigi la surfacon de velo ligante parton de ĝi per ŝnuretoj (nomataj *refligiloj*), *refi*. Volvi velon kaj alligi ĝin sur jardon, *ferli*. Faldi velon sur la jardo, *brajli, aljardi*. Manovro per kiu oni haltigas la ŝipon ne brajlante la velon, *paneo*. Pasigi jardon de unu flanko de la masto sur la alia, *gibi*. Ŝnuro per kiu oni turnas jardon al direkto kontraŭa al tiu de la braso, *kontraŭbraso*. Iradmaniero kiun oni uzas por ebligi rapidan kuradon, kiam la vento estas tro forta kaj ne favora, *kapeo*. Irado de ŝipo, kiu ŝanĝas sian pozicion en haveno, *evoluo*.

Movi ŝipon per speciala ligna ilo, *remi*. Remilo apogita sur la poŭpo kaj kiun oni svingas por enpuŝi la ŝipon, *postremilo*. Speco de remilo, kiun oni uzas ne apogante ĝin sur la ŝ., *pagajo*.

Aranĝi kaj fiksi ŝarĝon por ke ĝi ne moviĝu dum la osciloj de la ŝ., *stivi*. Ŝarĝo de varoj sur ŝ., *kargo*. Sistemo por igi ke kompaso ne oscilu malgraŭ la movo de la ŝ., *kardano*. Oscilo laŭ la longo de la ŝ., *tangado*. Kliniĝo flanka de ŝ., *kliniĝo*. Transversa balanciĝo de ŝ., *rulado*. Malsano kaŭzata pro la ekmarveturo, *marmalsano*.

Angulo formata de la kilo kun la direkto de la ŝ., *derivangulo*. Postsigno de la ŝ. sur la akvo, *disondaĵo*. Direkto de la laŭlonga akso de ŝ., *kapuso*. Linio sur mara karto, laŭ kiu iradas ŝ., kiu havas ĉiam saman kapuson, *loksodromio, kaplinio*. Angulo formata de la kompasmontrilo kun la meridiano, *ekarto*. Angulo entenata inter du el la 32 ventaj direktoj alprenitaj de la ŝipistoj por la kompaskarto, *rumbo*. Alproksimigi la kapuson al la direkto de la vento, *lofi*. Veturi laŭ diversaj direktoj oblikvaj je la direkto de la vento, *boardi*. Pozicio de ŝ., kiu ricevas la venton inter la flanko kaj la poŭpo, *large*. Ŝanĝi la direkton de ŝ., *viri*. Fiksi sur karto la lokon de ŝ. sur la maro, *determini*. Linio strekata de la supraĵo de la akvo sur la ŝipkorpo, *akvolinio*. Veturi kaj reveturi por kontroli la navigadon, *krozi*. Loko kie haltas ŝipon dum sia navigado, *navighalto*. Mara ĉirkaŭa ŝipirado aŭ preciza raporto pri ĝi, *periplo*. Veta ŝipkurado, *regatto*.

**Marbordo.**—Nature aŭ arte ŝirmita loko ĉe la bordo de maro aŭ de rivero, kie la ŝipoj povas sendanĝere resti ĵetinte ankron, *haveno*. Pri ŝipo, kiu haltas, *stopi*. Starigi ŝipon per ankroj (ĝenerale antaŭe kaj poste), tiamaniere ke ĝi ne povu sin movi, *enstopi*. Pri ankrita ŝipo, kiam la ankro malhokiĝas, *drivi*; kiam la streĉita ĉeno de la ankro estas vertikale, *esti apike*. Turniĝo de la ŝipo ĉirkaŭ la ĉeno de la ankro, *ekturnado*. Eksterhavena parto de maro nature aŭ arte ŝirmita kontraŭ la ventoj, kie la ŝipoj povas haltadi, *rodo*. Plej ŝirmita parto de haveno, *baseno*. Terbenkego firmigita per muro, laŭlonge de rivero aŭ de marbordo, uzata kiel strato aŭ elŝipiĝejo, *kajo*. Speco de havena ponto, kiu elstaras la kajon, *varfo*. En haveno, kunmetitaj alligfostoj sur la subakva klinebenaĵo, *dukdalbo*. Havena magazeno, kie oni lokas la komercaĵojn elŝipigitajn, *doko*. Parto de haveno antaŭ la dokoj, *antaŭhaveno*. Malantaŭa parto de haveno, kie la akvo de la fluo estas haltigata per kluzoj, *detenakvujo*. Parto mallarĝa de kanalo, kies ekstremoj estas provizitaj per pordoj, kaj kiun oni uzas por levi aŭ mallevi ŝipojn inter du kanalaj partoj, en kiuj la akvo ne havas saman nivelon, *kluzo*. Interkluza kanalo, *interkluzejo*. Ellaso de la akvo entenata en detenakvujo por forpeli la sablojn aŭ ŝtonojn amasiĝintaj en antaŭhaveno aŭ en kanalo, *ŝluzado*. Speciala kluzo, kiu povas aŭtomate malfermiĝi sub la premo de la akvo kaj ebligas ŝluzadon, *ŝluzkluzo*. Skrapi la ŝlimon, sablon, ŝtonojn, k. c., ĉe la fundo de

kanalo, rivero aŭ akvujo, *dragi*. Ŝipo provizita per dragmaŝino, *dragŝipo*. Parto de haveno provizita per kluzpordoj kaj kie staras la ŝipo ĉiam flosanta, *kluza doko*. Pordeto, kiu glitas sur kluzpordo kaj kiu malfermas faŭkon tra kiu akvo povas trapasi, *kluzpordeto, kluzŝovpordeto*. Kio servas por alligi ŝipojn apud la kajo, *bolardo*.

Akvobaro el tero, sablo, ŝtonoj, k. c., ĉe maro aŭ rivero, *digo*. Artefarita digo konstruita antaŭ haveno por ŝirmi ĝin kntraŭ la ondegojn kaj faciligi la en— kaj elŝipigon, *moleo*. Konstruaĵo starigita sur la marbordo por nuligi la forton de la maraj ondoj ĉe la eniro de haveno, *ondorompilo*. Amaso da ŝtonegoj ĵetitaj en la maron kun la sama celo de la ondorompilo, *ĝeto*.

Lanterno, lumaparato uzata kiel signalo sur ŝipo aŭ sur tero, *lumo*. Sur dekstra flanko de ŝipo estas *verda lumo*, kaj sur maldekstra, *ruĝa lumo*. Lumo havanta varian intensecon, *lumo kun ekbriloj*. Lumo, kiu vidigas tre mallonge daŭrajn ekbrilojn, *lumo kun fulmoj*. Signalo starigita en maro por montri danĝerajn lokojn, *marturo, navigsignalo*. Turo ĉe la marbordo, kun turnebla aŭ neturnebla lanterno, por signali danĝeron aŭ havenenirejon, *lumturo*. Lumturo kun turnebla lanterno, kies lumo malaperas kaj reaperas dank' al ia maldiafana ekreno, *eklipsa lumturo*. Aparato lokita ĉe la marbordo por optikaj signalojn, *semaforo*. Signalo flosanta kaj fiksita ĉe la fundo de la maro per ŝnuro aŭ ĉeno por montri danĝeran lokon, aŭ lokon por alligi ŝipon, *buo*. Buo provizita per lanterno, *lumbuo*. Buo por alligi ŝipojn, *alligbuo*. Ŝipo ankrita uzata kiel lumbuego, *lumŝipo*. Ideala rekto de signalo al signalo, kiuj montras danĝeran lokon, *rektliniaĵo*. Esplori la profundecon de maro, *sondi*. Plumba maso ĉe ekstremo de ŝnuro, per kiu oni sondas, *sonda plumbo*. Hora nombro uzata por ricevi horon de altmaro en difinita haveno, *stabilimento*.

Difektaĵo okazinta al ŝipo aŭ al komercaĵo transportata de ĝi, *averio*. Subakviĝo, detruo de ŝipo, *ŝippereo*. Ŝipo perdinta sian direktilon aŭ rigilaron, *sendirekta ŝipo*. Ŝtona aŭ ligna ebeno sur kiu oni alvenigas ŝipon por ĝin ripari aŭ purigi, *slipo*. Meti inter digoj, *endigigi*. Trabo, kiu subportas ŝipon en la seka dogo, *kilbloko*.

AERVETURI.—Aparato plenigita per gaso pli malpeza ol la aero kaj servanta por sin levi en la aero, *aerostato, balono*. Direktebla balono, *aeronato*. Aerveturanto, *aeronaŭto*. Aerveturarto, *aeronaŭtiko*. Pezaj objektoj per kiuj oni ŝarĝas balonon por konservi la egalpezon, *balasto*. Longa ŝnuro, kiu pendas sub la korbo de balono por plifaciligi la surteriĝon, *trenkablo, trenŝnuro*. Arto fabriki aerostatojn, *aeronaŭtiko*.

Sin movi en la aero per speciala maŝino, *flugi*. Arto flugi per

maŝino, *aviado*. Flugmaŝino sin movanta per svingado de flugiloj, *aviatoro*. Flugmaŝino konsistanta el deklivaj ebenoj (nomataj *aloj*), kiu povas suprenleviĝi kaj flugi en la aero per efiko de sia rapido antaŭen, *aeroplano*. Aeroplano kun unu paro da aloj, *monoplano*; kun du paroj, *biplano*. Organo por doni staremon al aeroplano aŭ al balono, *staremigilo*. Aeroplano per kiu oni klopodas reprodukti la ŝveban fenomenon, *ŝvebmaŝino*. Daŭbforma ĉarpento de iaj aeroplanoj konsistanta el palisoj kunmetitaj, *daŭbaĵo, daŭbĉarpento*. Infana ludilo konsistanta el unu aŭ kelkaj ebenoj, kiu povas leviĝi en la aero dank' al la vento, *flugdrako*.

## XXV. — FAMILIO

**Aĝo.**—Aparta homo kun ĝiaj karakterizaj ecoj, *persono*. Tempo pasinta de la naskiĝo, *aĝo*. Kiu ankoraŭ ne multe vivis, *juna*. Homo ĝis sia 10ª aŭ 14ª jaro, *infano*. Ĉarma infano (f), *kerubo*. Infano dek— aŭ dekkvinjara, *knabo*. Homo al kiu ekaperas la unuaj fenomenoj de la reprodukta fakulto, *pubera*. Aĝo de la pubereco ĝis la fino de la kreskado, *adoleskeco*. Maturaĝa virhomo, kontraŭe kun infano, *viro*. Malforta malsanema de la maljuneco, *kaduka*. Maljuna, malbela virino (en mokema senco), *sorĉistino*.

**Geedzoj.**—Viro laŭleĝe ligita kun virino por havi idaron, *edzo*. Viro neniam edzigita, *fraŭlo*. Viro, kies edzino mortis kaj li ne reedziĝis, *vidvo*. Viro, kiu promesis al virino edziĝi kun ŝi, *fianĉo*. Peti por si mem, aŭ por alia, la manon de virino, tio estas, proponi ke ŝi edziniĝu kun si aŭ kun li, *svati*. Kion edziniĝanta virino ricevas de la gepatroj, *doto*. Edziĝo aŭ edziniĝo kun persono de pli malalta klaso, *mezalianco*. Leĝa sistemo laŭ kiu viro nur povas havi samtempe unu edzinon, *monogamio*. Reedziĝo de viro, kiu jam havas unu edzinon, *bigamio*. Multedzineco, *poligamio*. Rompi la geedzan fidelecon per seksaj rilatoj kun alia persono, *adulti*. Laŭleĝa (tempa aŭ dumviva) izoligo de geedzoj, *separo*. Laŭleĝe rompi la edziĝan ligon, *eksedziĝi*. Virino vivanta kun viro, sed ne edziniĝinta kun li, *konkubino*.

Aparta loĝejo por la virinoj de la familio de mahometano (edzinoj, fratinoj, patrino, filinoj), *haremo*. Palaco de la turka sultano, kie loĝis la virinoj de lia familio, *serajlo*. Kastrita viro, gardisto de l' haremo, *eŭnuko*.

**Familio.**—Viro naskinta idon, *patro*; la ido, *filo*. Filo de la samaj gepatroj, *frato*; nur de la sama patro aŭ de la sama patrino,

*duonfrato*. Filo ne laŭleĝa, naskita ekster geedziĝo, *bastardo*. Du filoj samtempe naskiĝintaj de la sama patrino, *ĝemeloj, dunaskitoj*. Filo juna, knabo, *infano*. Geedzoj kun siaj infanoj, *familio*.

Knabo perdinte sian patron aŭ patrinon, *orfo*. Akcepti orfon kiel filon, *adopti*. Ido mamnutrita de fremda patrino, rilate al la propraj filoj de ĉi-tiu lasta, *laktofrato, nutrofrato*. Zorgi infanojn, *varti*.

Frato de patr(in)o, *onklo*. Filo de onkl(in)o, *kuzo*. Patro de patr(in)o, *avo*. Patro de av(in)o, *praavo*. Filo de fil(in)o, *nepo*. Filo de nep(in)o, *pranepo*. Filo de frat(in)o, *nevo*. Persono havanta kun alia aŭ kun lia edzino aŭ ŝia edzo komunan neantaŭlongan antaŭulon, *parenco*. Parencaro, *familio*. Familiano laŭ la patra linio, laŭ la patra flanko, *agnato*. Respektinda maljunulo, ĉefo de granda familio, *patriarko*. Tabelo de la deveno de parenceco de la membroj de gento, *genealogio*. La trunko de *genealogia arbo* estas la unuaj gepatroj, kaj la branĉoj la posteuloj. Tutaĵo de la homoj samtempe vivantaj, *generacio*.

Kiam patro reedziĝas, la filo estas rilate al la nova edzino, *duonfilo* (kaj la nova edzino rilate al la filo, *duonpatrino*). Prefikso por montri la parencojn de la edzo (aŭ edzino) rilate al la edzino (aŭ edzo), *bo*; ekzemple: *bofrato, bopatro, boparenco*. Prefikso por montri samspecajn parencojn de ambaŭ seksoj, *ge*; ekzemple: *gefratoj*.

**Heredo.**—Ricevi laŭleĝe propraĵon de mortinta parenco, *heredi*. Profito, kiun la edzo lasas al edzino en okazo de postvivo, *aŭgmento*. Persono jure nomita por zorgi havon de neplenaĝulo, *kuratoro*.

**Amikoj.**—Persono loĝanta apude, *najbaro*. Persono amata sendepende de ĝia sekso, *amiko*. Kunvivanta amiko, *kamarado, kolego*. Havi rilaton kun iu, *koni*. Koncernanta senton inter du personoj, unu al alia, *reciproka*.

## XXVI. — SOCIETO

**Klasoj de societoj.**—Daŭra kuniĝo de personoj por komuna celo, *societo*. Tuto da homoj kunvivantaj pro komunaj interesoj, kaj havantaj komunajn kutimojn kaj leĝojn, *socio*. Socia, *sociala*. Socio formata de kelkaj amikoj, *rondo*. Grava s., *asocio*. S. politika, amuza aŭ sporta, *klubo*. Kuniĝo de memstaraj s-j. por komuna agado en eksteraj aferoj, kiuj koncernas ĉiujn kune, *ligo, federacio*. S. de samprofesianoj posedanta la rajtojn de leĝa persono, *korporacio*. Aro da

personoj samrangaj kune plenumantajn oficon, *kolegio*. Aro da homoj havantaj la samajn opiniojn, celon, *grupo*.

Kuniĝo de personoj kune kondukantaj komercan, industrian aferon, *kompanio*. Ia potenca komerca asocio de kelkdeko da urboj en la mez-epoko, *hanzo*. Komerca s. en kiu parto de la anoj ne partoprenas en la administracio, riskas sian monon, sed ne respondas pri la funkciado de la societo, *komandito*. Komerca aŭ metia korporacio, *gildo*. Grupiĝo por defendo de komunaj ekonomiaj interesoj, *sindikato*. Grandega sindikato de fabrikantoj akaparantaj ĉiujn produktaĵojn de la industrio por altigi la prezon, *trusto*. S. de laboristoj, kiuj anstataŭ doni sian laboron al mastro kontraŭ salajro, komunigas siajn ŝparojn kaj laboron por praktiki ili mem industrion kaj partopreni ĉiu el ili ĝiajn perdojn aŭ profitojn, *kooperativo, koopera societo*. (Vidu «XXVII.— Politikon»).

Daŭra publika aŭ privata organizo, *institucio*. Krei, aranĝi institucion, *fondi*. Institucio dependanta de alia (nomata *ĉefa* aŭ *metropola*), kaj ĝin anstataŭanta en alia loko, *filio*.

**Organizo de societo.**—Parto de s., *sekcio*. Ano de s., *membro*. Pagi sian parton al la s., *kotizi*. Mona helpo, precipe tiu de la ŝtato al s., *subvencio*. Aro da reguloj por gvidi societon, laŭleĝe aprobitaj, *regularo*. Fundamenta regularo de s., *statuto*. Gazeto reprezentanta societon, *organo*. Anaro da membroj por gvidi societon, *komitato*. Kiu deziras esti komitatano aŭ kiun oni proponas por komitatano, *kandidato*. Esprimi la preferon por unu el la kandidatoj, *elekti*. Esprimi sian opinion en kunveno por decido aŭ elekto, *voĉdoni*. Voĉdoni per globetoj aŭ per kartoj, *baloti*. Argila aŭ metala vazo por kolekti voĉdonajn kartojn, *urno*. Triumfo de kandidato, *elekto*. Elekti iun unuvoĉe, sen balotado, *aklami*. Komitatanestro, *prezidanto*. Komitatano, kiu zorgas financajn aferojn, *kasisto*; kiu verkas aŭ skribas raportojn, dokumentojn, leterojn, k. c., *sekretario*; kiu ne havas difinitan oficon, *voĉdonanto*. Memvole rifuzi komitatano sian postenon, *demisii*.

Persono rajtigita zorgi pri la aferoj de korporacio, kies membro ĝi estas, *sindiko*. Sendi iun kiel reprezentanto, *delegi*. Delegitaro, *delegacio*. Aro da personoj komisiitaj por esplori ian difinitan demandon aŭ plenumi ian difinitan taskon, *komisiono*.

# XXVII.—POLITIKO

(Vidu paĝon 111-an, de linio 17ª ĝis 3ª kalkulante malsupre supren).

**Rango.**—Grado, alteco de ofico, *rango*. Rangaro, gradigo en la oficaj postenoj, *hierarĥio, hierarkio*. Sen r., de malalta r., *simpla*. Persono, kies r. estas malsupera je tiu de alia, *subalterna*. Altigi iun plialtan rangon, *promocii*.

Socia grupo de personoj de la sama r., *klaso*. Persono de supera klaso, *aristokrato*; de meza, *burĝo*; de malalta, *plebano*; de malalta, posedanta nenion, vivanta nur per sia laboro, *proletario, proleto*. Riĉulo rigardata kiel politike potenca, *plutokrato*. Plutokrataro, *plutokratio*. Aristokrataro, *aristokratio*. Aristokrato, kiu posedas honoran titolon, *nobelo*. La meza kaj malalta klasoj, *popolo*. Ĉe la antikva Romo, la popolo, *plebo*; aristokrato, *patricio*; nobela patrino, *matrono*. En Hindujo, klaso de la socio, *kasto*. Homo de la lasta, plej malŝatata kasto de Hindujo, *pario, pariao*. Plej malestiminda parto de la societo, *feĉo*.

**Estri.**—Povo, spirita influo bazita sur plenfidindaj kvalitoj, *aŭtoritato*. Konduki aferojn per persona laboro, *administri*. Administri per ordonoj, kontroloj, k. c., *direkti*. Administrantaro, *administracio*. Ordonpovo, *aŭtoritato*. Superulo, *estro, ĉefo*. Plejsupera estro de institucio, de ofico, *direktoro*. Estraro kaj ĝiaj oficejoj, *direkcio*. Konsilantaro havanta specialan publikan mision, *direktorio*. Tiu, kiu posedas kaj ordonas, *mastro, sinjoro*. Kiu administras bienon por alia, *reĝisoro*.

Estre esprimi sian volon, *ordoni*. Plenumi la ordonon de alia persono, *obei*. Dua ordono donita por nuligi la unuan, *kontraŭordono*. Ordonoj kaj informoj, laŭ kiuj oni povas fari ion, *instrukcioj*. Ordoni skribe, *preskribi*. Ordoni formale, *preskribi*. Prizorgi la funkciadon de publika aŭ grave privata organizo, *administri*. Ebligi al io alveni al nova stato, *konduki, direkti*. Administri kiel mastro, *mastrumi*. Rajdanto, kiu portas ordonojn, *stafeto*.

Esprimi sian opinion al alia persono pri tio, kion ĝi devas fari, *konsili*. Peti, demandi konsilon, *konsulti*. Konsilanto, gvidanto de junulo, *mentoro*.

**Subuloj.**—Labori por iu, laŭ liaj ordonoj, *servi*. Fari interkonsenton kun iu por certigi al si lian servadon dum difinita tempo, *dungi*. Esti submetita al la povo, al la volo de alia persono, *dependi*. Posedanto rilate al la servisto, *sinjoro*. Nobela knabo akompananta

princon por lin servi kaj lerni la militan arton, *paĝio*. Hejma servisto ĉe riĉuloj, plej ofte portanta specialan livreon, *lakeo*. Juna lakeo, precipe en kafejoj kaj hoteloj, *grumo*. Lakeo en hungara kostumo, *hajduko*. Homo sen personaj rajtoj apartenanta kiel objekto al alia persono, kiu lin aĉetis aŭ kaptis, *sklavo*. Sklaveco, *jugo*. Kastrita viro, gardisto de haremo, *eŭnuko*. Servisto, kiu alportas la manĝaĵon kaj trinkaĵon en restoracio, kaj kafejoj, *kelnero*. Helpanto, vendanto en butiko, *komizo*. Hinda aŭ ĥina laboristo, kiun oni laborigas en kolonioj, *kulio*. Universitata servisto, *pedelo*. Homo ne kapabla plu servi pro maljuneco aŭ kripleco, *invalido*.

Sumo unufoje pagita por labora servo, *salajro*. Salajro en liberaj profesioj, *honorario*. Salajro de konstanta registara oficisto, *etato*. Emerita pensio, *emerituro*.

* * *

**Politikaj ideoj.**—Estri la aferojn de ia entrepreno, *regi*. Arto regi ŝtaton, *politiko*. Opinio por kiu oni estas preta batali, *ideo*. Scienco pri la ideoj, *ideologio*; scienculo, *ideologo*. Aro da personoj favoraj al ia politika sistemo, *partio*. Sufikso por montri adepton de partio, de doktrino, *an*. Sistemo de regado, *reĝimo*. Reĝimo en kiu la povo apartenas al aristokratoj, *aristokratio*; al kelkaj potencaj familioj, *oligarĥio* aŭ *oligarkio*; al unu familio, *monarĥio*, *monarkio*, *rojalismo*; al unu despoto, *aŭtokratismo*, *aŭtokratio*, *despotismo*; al la pastraro, *teokratio*; al la popolo pere aŭ senpere de ĝiaj reprezentantoj, *demokratio*. La ŝtatoj regataj per tiuj-ĉi sistemoj estas nomataj *aristokratio, oligarĥio* aŭ *oligarkio, monarĥio* aŭ *monarkio, aŭtokratio, teokratio, demokratio*, respektive. Monarkio kie la popolo partoprenas en la povo (dank' al leĝo nomata *konstitucio*), *konstitucia monarkio*. Nekonstitucia monarkio, *absoluta monarkio*. Monarkiano, *rojalisto*. Demokratiano, *demokrato*. Reĝimo sen monarko, *respubliko*; adepto, *respublikano*. Ŝtato respublike organizata, *respubliko*.

Agado de politika partio, kiu kontraŭstaras la progreson kaj volas revivigi la pasintan staton de la aferoj, *reakcio*. Favora al la politika libereco kaj sendependenco de la opinioj, *liberala*. Liberala doktrino, *liberalismo*. Celanta konservi la saman staton de la aferoj, kontraŭa al reformoj, *konservativa*. Partio postulanta tutajn profundajn kaj senkompromisajn reformojn, *radikala*; ĝia doktrino, *radikalismo*. Fanatika radikalulo, *jakobeno*. Kiu elektas el ia doktrino tion, kio ŝajnas plej taŭga, *eklektika*. Celado al plibonigo de la situacio de la virinoj en la socio, al akiro de rajtoj egalaj al tiuj de viroj, *feminismo*; al forigo de ĉiu ajn milito, *pacifismo*. Adeptoj de tiuj doktrinoj, *feministo*, *pacifisto*.

Sistemo en kiu ĉiu homo vivas sendepende, sen ia ajn registaro, *anarkismo, anarĥio*. Absoluta maniero de regado kaj agado, *absolutismo*. En la mezepoko bieno koncesiita senpage, libere kaj senlime interŝanĝe de la fideleco kaj servado de la posedanto, *feŭdo*. Reĝimo de feŭdrajtoj, *feŭdismo, feŭdalismo*. Submeti sub la feŭdalismo, *feŭdalizi*. Socia reĝimo bazita sur la individua proprumo, kies posedo estas sakra, *kapitalismo*; celanta anstataŭi kapitalismon, detrui la individuan proprumon kaj bazi la ekonomian vivon sur komuneco de l' havo, *komunismo* (en Sovieto, *bolŝevismo*); celanta transdoni la ilojn de la produktado al la socio, el kio rezultos komunajn vivkondiĉojn, *socialismo*; celanta starigi la komunan proprecon de ĉiuj produktrimedoj, anstataŭigi la kapitalisman konkuradon por socia organizado de la laboro kaj dispartigo de la produktoj proporcie de la kvanto de la plenumita laboro, *kolektivismo*; celanta starigi la diktatorecon de la proletaro por starigi la komunismon, *bolŝevismo*. Rusa kamparana mastruma kolektivo, *kolĥozo*. Doktrino, laŭ kiu laboristoj, sindikate organizitaj kaj per revolucia striko akirintaj posedon de la produktiloj kaj sociaj riĉaĵoj, organizus kaj mastrumus la tutan socian vivon, *sindikatismo*. Itala diktatoreco celanta detrui socialistan kaj komunistan tendencojn per organizo de la ŝtato sub severa disciplino laŭ korporacia grupigo de la produktistoj por plipotencigo de la nacio, *faŝismo*. Adepto de tiuj doktrinoj, *partiano de l' kapitalismo, komunisto, socialisto, kolektivisto, bolŝevisto, faŝisto*. Scienco pri la produktado kaj dividado de la sociaj riĉaĵoj, *ekonomio politika*; scienculo, *ekonomiisto*. Aro de adeptoj de la sama politika doktrino, *partio*.

Organizita formo de popolo, kies membroj havas komune kelkajn aŭ ĉiujn el la sekvantaj aĵoj: raso, religio, teritorio, lingvo, moroj, materiaj interesoj, *nacio*. Teritorio konsiderata tiel apartenanta al iu nacio aŭ al iuj parencaj nacioj, pro tio ke ĝi estas la lando de la patro kaj de la prapatroj de la nacianoj, *patrio, patrujo*. Amo al patrujo kaj inklino servi al ĝi, *patriotismo*. Fanatika troa patriotismo konfuzanta amon al patrujo kun malamo al fremduloj, *ŝovinismo*. Politika doktrino malamika al judoj, *antisemitismo*. Partianoj de tiuj-ĉi sentoj kaj doktrino, *patrioto, ŝovinisto, antisemito*. Politika doktrino konforma al la principoj de regado de Makiavelo, *makiavelismo*; favora al la klerikaro kaj al ĝia superregado, *klerikala*; uzanta kruelecon kaj terurigon kiel regadrimedon, *teroro*. Politika doktrino, kiu troigas la rajtojn de unu nacio kontraŭ tiuj de aliaj, *naciismo, nacionalismo*; kiu postulas ke nacioj rezignu sian sendependencon kaj kulturajn apartaĵojn kaj kunfandiĝu en unu tutmonda unuo, *sennaciismo*; kiu celas starigi juran aparaton por garantii pacajn rilatojn inter ĉiuj nacioj, kiuj konservos

siajn lingvon kaj kulturajn apartaĵojn, *internaciismo*. Doktrino de homo, kiu rigardas la tutan mondon kiel sian patrujon, *kosmopolitismo*; kiu volas ke sia patrujo superregu super la ceteraj landoj, *imperialismo, imperiismo*. Partiano de tiuj doktrinoj, *kosmopolito, imperialisto, imperiisto*. Doktrino celanta liberigo de la tuta nacia teritorio, *iredentismo*.

Sistemo de regado de provinco, kiu ne ricevas leĝojn el centra registaro, *aŭtonomeco, aŭtonomio*. Superregeco de iu popolo super aliaj, *hegemonio*. Lando libere regata de la reprezentantoj de la popolo, *civito*. Civitano de la tuta mondo, *kosmopolito*.

Politikisto flatanta la popolon por akiri ĝian favoron, *demagogo*. Troa superregado de la demagogoj, *demagogio*. Instigi aliajn al agado por politika celo, *agiti*. Komuna sekreta agado por politika kontraŭleĝa afero, *konspiro*; por krimo, *komploto*. Brua senorda kurado kaj movado de la popolamaso, *tumulto*. Subita perforta ŝanĝo de la sistemo de politika regado, *revolucio*. Fidela al la leĝoj, al la estro, *lojala*. Rifuzi obei la estraron, la registaron, kaj peni superforte forigi, ŝanĝi ĝin, *ribeli*. Senrajte proprigi al si la superan povon, *uzurpi*.

* * *

**Rajto.**—Povo bazita sur leĝoj, sur moroj, fari ion, postuli ion, *rajto*. Reciproka r. kaj devo de interkonsentantaj personoj, bazo de interkonsento, *kondiĉo*. Fari la devon, *plenumi ĝin*. Skribaĵo servanta kiel pruvo, atesto, *dokumento*. Esprimi la konsenton, doni la rajton ke oni faru aŭ ne faru ion, *permesi*. Rajti fari ion, *povi*. Multepovanta, *potenca*. Havi en la povo kaj ne ellasi, *teni*. Posedanta la nomon, sed ne la rajton, *nominala*.

Permesi, ne malhelpi ion malagrablan por si, ion kontraŭan al siaj principoj, kvankam oni povas malpermesi se oni dezirus, *toleri*. Permeso de la registaro por fondi, ekspluati publikan entreprenon, *koncesio*. Permeso al fabrikisto fabriki patentitan objekton kontraŭ interkonsentita procenta pago, *licenco*. Ekskluziva r. fabriki aŭ vendi ion, plenumi ian servon, *monopolo*. Speciala r. al kelkaj personoj, *privilegio*. Privilegio koncernanta al kelkaj oficoj, *prerogativo*. Rajtperdo per tempopaso, *preskripto*. Egalrajtigi, liberigi el la patra, kuratora aŭtoritato, el la dependo de superulo, *emancipi*. Lasi al iu ion, kion oni rajtas, *cedi*.

**Aktoj.** — Oficiala dokumento atestanta fakton, *akto*. Rajtigo donita al posedanto de firmo por subskribi en lia nomo, *prokuro*. A. per kiu oni donas prokuron, *prokurakto*. A. ne subskribita de ŝtata oficisto, *privatakto*. A. konvencie kaj interkonsente starigita de kelkaj

personoj per kiu oni promesas pri io, *kontrakto*. Speciala kondiĉo enskribita en a., *klaŭzo*. Ĝenerale uzataj vortoj por a., *formulo*. Nuligo de a., *rezolucio*. Pruvi la samecon de persono, lian memecon per dokumento, *legitimi*. Legitimado aŭ legitimaĵo, *legitimacio*. A., kiu donas al inventinto la proprecon de lia inventaĵo kaj la rajto ekspluati ĝin kaj defendi ĝin kontraŭ la imitontoj, *inventopatento*. Ŝtata oficisto, kiu redaktas kaj konservas aktojn, atestas aŭtentikecon, k. c., *notario*. La unua el la notarioj, *protonotario*. Oficejo kie oni gardas la sigelon de la ŝtato kaj oni sigelas per ĝi la dokumentojn, *kancelario*. Doni ateston pri a., *deponi*. Laŭleĝigi dokumenton, *referendi*. Referendanto, *referendario*. Publikigita, ordigita de registaro, de rajta povo, *oficiala*. Ne oficiala, *privata*. Oficiale konigi, *deklari*. Deklari al publiko, al popolo, *proklami*.

* * *

Scienco pri la fenomenoj kaj leĝoj de la socia vivo, *sociologio*. Scienculo, *sociologo*.

Estri la aferon de ia entrepreno, *regi*. Arto regi ŝtaton, *politiko*. La tri povoj de la modernaj ŝtatoj estas : la *leĝdona*, la *leĝplenumiga* kaj la *juĝanta*.

LEĜDONA POVO.—**Leĝo.**—Oficiala akcepto de regnestro aŭ altrangulo por aŭskulti petojn, *aŭdienco*. Solena komunikaĵo de regnestro, de ĉefo de politika partio, *manifesto*. Konfirmo de regnestro, de aŭtoritato, *sankcio*. Interkonsento inter ŝtatoj, *konvencio, traktato*. Traktato por doni al la fremduloj loĝantaj en la koncernitaj landoj iajn privilegiojn (ekzemple, ke ili ne dependu de la enlanda juĝistaro), *kapitulacio*. Regularo starigita de la civilestraro por reguligi iajn punktojn de la eklezia administrado aŭ disciplino, *pragmatiko*. Deviga regulo por la regnanoj, proklamita de la ŝtato, *leĝo*. Leĝoscienco, *juro*. Leĝaro, *kodo, kodekso*. Decido de supera ŝtata povo, *dekreto*. Dekreto publikigita de regnestro, *edikto*. Edikto de la rusa imperiestro, *ukazo*. Eklezia leĝo, *kanono*. Papa dekreto en malpli gravaj aferoj, *brevo*. Laikigi ion apartenanta al la pastraro, *sekularizi*. Laŭleĝa, laŭregula (pri la formo), *formala*. Konformigi al la leĝo, *legitimi*. Legitimado, *legitimacio*. Leĝo, regulo havanta valoron por la tempo antaŭa al ĝia apero, *retroaktiva*. Nuligi leĝon per alia leĝo, *aboli*. Kontraŭeco de du leĝoj aŭ reguloj, *antinomio*.

**Parlamento.** — Leĝdona reprezentantaro de civitanoj, *parlamento*. Elekti reprezentanton al p., *deputi*. Supera ĉambro de p., *senato*. Senato de Romo aŭ de antikva komunumo, *kurio*. Loko kie oni

traktas publikajn aferojn, *forumo*. Placo en la antikva Romo, kie oni diskutis pri publikaj aferoj, *forumo*. Demandi la deputato en p. al la ministro pri agoj de la registaro, *interpelacii*. Respondo de regnestro pri leĝa demando, *reskripto*. Unua redakto de leĝo, *projekto*. Parta ŝanĝo de diskutota projekto de leĝo, *amendo, amendamento*. Voĉdono de tuta popolo pri akcepto aŭ neakcepto de projekto de leĝo, *referendumo*.

Partio, precipe parlamenta, *frakcio*. Principoj kaj interesoj de partio, *programo*. Gazeto reprezentanta partion, *organo*. Politika societo, *klubo*. Igi iun forlasi sian partion kaj aliĝi al nova, *apostati* de la antikva kaj *konverti* al nova. Flago portata kiel partia simbolo, *standardo*. Suprentiri flagon per ŝnuro, *hisi*. Pri flago hisita nur ĝis la mezo de la stango, *neĉebloke*. Modera partio en parlamento, *centro*. Ne partoprenanta en disputo de du partioj, *neŭtrala*. Juĝanta ĉiujn same favore, sendepende de iliaj opinioj kaj partioj, *senpartia*. Tute sendependa de iu ajn povo aŭ kontrolo, sola ordonanto kaj leĝdonanto, *absoluta*. Ligo de partioj por komuna agado, *koalicio*.

Publika opa esprimo de la opinio per videblaj agoj, *manifestacio*.

LEĜPLENUMIGA POVO.—**Ŝtatestroj**.—Kronita dumviva regnestro, *monarĥo, monarko*. Grava regno vasta kaj potenca, kaj kies estro (nomata *imperiestro*) estas monarko, *imperio*. Monarko de ŝtato ne plene sendependa aŭ tre malgranda, *princo*; de ŝtato sendependa kaj plivasta ol princlando sed ne tiel vasta kaj potenca kiel imperio, *reĝo*. Hinda landestra princo, *raĵao*. Germana princo, kiu, senigite de sia lando, konservis tamen kelkajn privilegiojn, *mediatizita princo*. Rusa regnestro, *caro*; mahometana aŭtokrata, *sultano*; antikva egipta, *faraono*; tartara, *ĥano*; persa, *ŝaho*; japana, *mikado*. Regnestro de Arabujo post la morto de Mahometo, *kalifo*. Ĉe la antikva Romo, estraro formata de tri viroj (nomata ĉiu *triumviro*), *triumvirato*. Ĉefo de la Genova aŭ Venezia respubliko, en la mezepoko, *doĝo*. Rango de doĝo, kaj daŭro de la rango. *dogato*. Serio de monarĥoj apartenantaj al la sama familio kaj heredantaj la tronon unu de la alia, *dinastio*. Reĝido, *princo*. La plej maljuna filo de la reĝoj de Francujo, *daŭfeno*. Iaj princoj de Moldavio, Valakio kaj Transilvanio dependantaj de la turka sultano, *vojevodoj*.

Provizora regnestro, kiu regas dum neplenaĝo aŭ foresto de reĝo, *regento*. Demisii reĝecon kaj ĉiujn rajtojn al regnestreco, *abdiki*. Simboloj de reĝeco: kapvesto, *krono*; seĝo, *trono*; bastono, *sceptro*. Perdigi la reĝecon, la tronon, *detronigi*.

Provizora ŝtatestro kun absoluta povo, *diktatoro*. Ĉe la antikvaj

romanoj plej supera leĝa aŭtoritato, supera povo ordoni super la armeoj kaj en la ŝtato, *imperiumo*. Absoluta kruela regnestro, *despoto, aŭtokrato, tirano* (f.). Ĉe la antikvaj grekoj, homo kiu uzurpis regnestrecon, kvankam li regus nedespote, *tirano*. Provizora registaro en Francujo dum la revolucio (1795-1799), *direktorio*. Revolucia registaro, kiu en 1871ª regis en Parizo dum du monatoj, *komuno*. Plej supera aŭtoritato, *suvereno*.

**Aliaj aŭtoritatoj.**—Urba administrantaro, *magistrato*. Jara magistrato, kiu regis Atenon, *arkonto*. Urbestro aŭ vilaĝestro en Hispanujo, *alkaldo*. Ĉefo de administracia distrikto, *prefekto*. Provincestro, *gubernatoro*. Provincestro de la antikva Persujo, *satrapo*; de la antikva Romo, *prokonsulo*; de Turkujo, *paŝao*. Gentestro, ĉe la antikvaj hebreoj, *patriarko*; ĉe la araboj, *ĉejko*. Alta ĥina oficisto, *mandareno*. Plejalta ŝtata oficisto, *kanceliero*. Oficejo de kanceliero, *kancelario*. Alta ŝtata oficisto administranta unu el la sekcioj de la ŝtataj aferoj, *ministro*. Ministrejo, *ministerio*. Ministraro, *kabineto*. Turka ministro, *veziro*. Ŝtata turka konsilantaro, *divano*. Sekcio de ministrejo, *departemento*. Oficisto de la trezorejo de la antikva Romo, *kvestoro*. Ŝtata oficisto al kiu oni komisiis specialan provizoran funkcion, *komisaro*. Rutinema, aroganta skriboficisto, *burokrato*. Tro pedanta atento, prizorgo, obeo al la formalaĵoj, formalemo, *formalismo*.

**Aliaj altranguloj.** — Honora ofico, honora posteno, *titolo*. Homo, kiu per la naskiĝo aŭ per la favoro de la regnestro ĝuas specialajn privilegiojn aŭ posedas titolon distinganta lin de la aliaj regnanoj, *nobelo*. Nobelaj titoloj laŭ la alteco de sia rango: *princo* (plej alta), *markizo* (franca titolo), *duko, grafo, barono*. Membro de la rusa aŭ aŭstra imperiestra familio, *arkiduko*. Aliaj nobelaj titoloj: angla, *lordo*; malnova germana, *burgrafo*; hungara aŭ pola, *magnato*. Nobelo administranta loĝejon de monarĥo, *ĉambelano*. En kelkaj landoj, ia kortega altrangulo, *marŝalo*.

En la mezepoko: ano de la militista nobelaro ricevinta titolon en solena speciala ceremonio, *kavaliro*. Ĉefo de kavaliro, *komandoro*. Nobelulo, kiu ankoraŭ ne estis kavaliro, *junkro*. Junulo, kiu lernadis ĉe nobelo la kavaliran arton, kaj plenumadis apud li la oficon de paĝio, *knapo*. Feŭdhavanto, subulo de regnestro aŭ de alia feŭdhavanto, *vasalo*. Servado de la kamparanoj, kiuj estis kvazaŭ posedaĵo de la feŭdhavanto, *servuto*. Feŭdhavanto de Rusujo aŭ Transilvanio, *bojaro*.

Malnova titolakto, titolskribaĵo sur papero aŭ pergameno, *ĉarto*. Libro sur kiu oni reskribas la ĉartojn pri sinjorlandoj, k. c., *ĉartlibro*. Honoriga societo starigita de regnestro aŭ papo por rekompenci la per-

sonan meriton, *ordeno*; signo de ĉi-tiu societo en formo de kruco, medalo, stelo, k. c., pendigita de rubando, *ordeno, dekoracio*. Multaj ordenoj havas tri gradojn, *kavaliro* (plej malalta), *oficiro* kaj *komandoro* (plej alta). Iaj ordenoj: *Honora Legio* (franca), *Ŝtrumpligilo* (angla), *Nigra Aglo* (germana), *Lenino* (rusa), *Krizantemo* (japana), k. t. p. Emblemo de nobeleco aŭ rango donita aŭ permesita de regnestro por la distingo de familioj, societoj, *blazono, armorio*. Desegni aŭ pentri armorion sur io, *armorii*. Libro enhavanta la armoriojn de lando, *armorilibro*. Aro de armorioj formanta la tutan emblemon, *blazono*. Scienco pri la blazonoj kaj armorioj, *heraldiko*. Romboforma armorio, kies supro kaj malsupro estas la du akutaj anguloj, *lozanĝo*. Plato aŭ fono sur kiu oni pentris armoriojn aŭ blazonon, *blazonŝildo, heraldikŝildo*. Signo de ofico aŭ de povo, *insigno*.

Nomi ium per la titolo, *titoli*. Titolo uzebla por ĉiuj rangoj, *moŝto*. Titolo de generaloj kaj aliaj altranguloj, *ekscelenco*; de kardinaloj, *eminenco*; de monarĥo, *majesto*. Titolo ĝentila al iu ajn persono, *sinjoro*.

**Agoj.**—Trarigardi manuskriptojn aŭ presprovaĵojn por kontroli ĉu ili ne havas ion, kies publikigo estas malpermesita, *cenzuri*. Ordono ke oni disponigu al ia aŭtoritato personojn aŭ aĵojn por ia publika servo, *rekvizicio*. Trouzo de sia povo por doni oficon al siaj samfamilianoj, *nepotismo*.

JUĜANTA POVO.—**Krimo.**—Montri al iu malrespekton, malestimon per agoj aŭ vortoj, *ofendi*. Ofendi per maldecaj vortoj (kiel *fripono*!, *kanajlo*!, *fuvulo*!, k. c.), *insulti*; per ridoj, mokoj, *ridi*; per malpravaj kontraŭaĵoj, por montri sian superecon, *ĉikani*. Insulti Dion, religion, *blasfemi*. Paroli malbone pri iu dum lia foresto, kun la intenco malutili lian reputacion, *klaĉi*. Klaĉi komunikante mensogajn sciigojn, *kalumnii*. Postuli de iu monon aŭ favoron per skandalminaco, *ĉantaĝi*.

Kaŭzi suferon, *turmenti*. Granda turmento, *torturo*. Konstante turmenti iun per maljustaĵoj, *persekuti*. Inklina turmenti, *kruela*. Inklina sangverŝigi, kruela, *sangsoifa*. Estro tre kruela, *tirano*.

Per gestoj aŭ vortoj kuraĝigi iun ke oni volas domaĝi lin, *minaci*. Trafi per rapida movo de la mano aŭ de objekto havata en la mano, *bati*. Bati kaj produkti mallongan sonon, *frapi*. Frapi sur la vangon, *vangofrapi*. Ilo por bati, al kies ekstremo estas ligita ŝnuro aŭ rimeno, *vipo*. Sufokpremi la gorĝon al iu, *strangoli*.

Preni ies propraĵon ne pro milita profito nek pro laŭleĝa decido, *ŝteli*. Ŝteli perforte, *rabi*. Rabisto, *bandito*. Aro de rabistoj, de vag-

uloj, de friponoj, *bando*. Mara rabisto, *pirato*. Pirato rajtigita de ia registaro por rabi la ŝipojn de l' malamiko dum la milito, *korsaro*. Korsare rabi, *kaperi*. Danĝera sentaŭgulo, precipe en la grandaj urboj, *apaĉo*. Senhonora homo, *kanajlo*.

Rabeti terproduktojn kaj kortbirdojn en kamparo, *marodi*.

Ĉiu ago kontraŭ morala, civila aŭ religia leĝo, *krimo*. Krime ataki eminentulon, *atenci*. Fari al iu saman malbonon, kiun ni (aŭ personoj karaj por ni) ricevis de li, *venĝi*. Kontraŭleĝa puninda ago malpli grava ol krimo, *delikto*. Malobservo de religia aŭ morala leĝo, *peko*.

**Tribunalo.**—Kies opinioj estas konforme al la vero, *prava*. Kiu intence aŭ konscie faris ion punindan, *kulpa*. Esplori ĉu iu estas aŭ ne prava aŭ kulpa, *juĝi*. Juĝantaro, *tribunalo*. T. de la antikvaj hebreoj, *sinedrio*. Plejalta t. ĉe la antikvaj grekoj, *areopago*. T., kiu juĝas la krimajn aferojn, *asizo*. Supera juĝistaro konsistanta el kelkaj sekcioj, kiuj juĝas aparte je la nomo de la tuta juĝistaro, *kortumo*. Pastra t. de la mezaj jarcentoj por juĝi kaj puni la herezulojn, *inkvizicio*. Membro de la inkvizicio, *inkvizitoro*. Eklezia estraro por administraj kaj juĝaj aferoj, *konsistorio*. Eminenta senpartia juĝantaro, *areopago*.

Grado de la juĝa povo, *instanco*. Supera juĝa oficisto akuzanta en la nomo de la ŝtato, *prokuroro*. Juristo, kies specialo estas defendi akuzatojn en juĝejo, *advokato*. Plenumi advokatan profesion, *praktiki*. Persono kiu konfidas siajn aferojn al advokato, *kliento*. Asistanto, helpanto de juĝisto, *asesoro*. Malsupera juĝisto en Turkolando, *kadio*. Polica juĝisto en Francujo antaŭ la XIX[a] jarcento, *skabeno*. Persono elektita de kontraŭuloj por juĝi ilian aferon, *arbitro*.

**Juĝo.**—Koncernanta la juron pri la krimo, *kriminala*. Aserti ke iu estas kulpa pri io, *akuzi*. Perdigi la trankvilecon de iu per subita malkovro de lia kulpo, *konfuzi*. Malkaŝe deklari sian kulpon, *konfesi*. Subite timigi iun igante lin nekapabla agi, paroli, *konsterni*. Sciigi juĝiston pri ies kulpo, *denunci*. Sciigo pri fakto aŭ afero por konfirmi aŭ kontraŭparoli diron de akuzito, *atesto*. Specialisto elektita de juĝantaro por esplori aferon kaj doni sian opinion pri ĝi, *eksperto*; la esploro, *ekspertizo*. Paroli en juĝejo por defendi sin aŭ sian klienton, *pledi*. Tutaĵo de juraj procedoj por juĝe solvi aferon inter akuzanto kaj akuzato, *proceso*. Stato de kulpigito, kiu ne ĉeestas dum la juĝo, *kontumaco*. Decido de iu ajn juĝantaro, *verdikto*. Defenda rimedo por prokrasti la finon de la proceso aŭ por kritiki ĝian formon, *ekscepcio*. Proklami juĝe ies kulpon aŭ ies malpravon, *kondamni*; ies senkulpon, malkondamni, *absolvi*. Kiu kondamnas la kulpulon kaj absolvas la senkulpulon, *justa*. Depone konfidi al tria persono disputatan propraĵon,

por ke li gardu ĝin ĝis definitiva juĝa decido, *sekestri, sekvestracii*. Sin turni post verdikto de tribunalo al pli alta instanco, *apeli, apelacii*. La tuto de la decidaĵo de iu juĝistaro, kies kono ebligas solvi jurajn demandojn diskutatajn, *juraplikado*. Procedaro de la juĝaj aferoj, *proceduro*.

Juĝo dirita de arbitro, *arbitracio*. Decido de juĝantaro pri konkurantoj, *verdikto*.

**Puno.**—Persono pri kiu oni parolas senrespete, *individuo*. Rajte kaŭzi al iu suferon pro malpermesita ago kun la celo ke li ne refaru ĝin, *puni*. Opinii ion puninda, *kondamni*. Rezigni punon, venĝon, por ricevita maljustaĵo aŭ ofendo, *pardoni*. Motivo aŭ preteksto por senkulpigi iun aŭ por malpligravigi lian kulpon, *ekskuzo*. Ne pardonema, sed preta puni plej forte kiel eble, *severa*. Ne severa, *indulga*. Tre severa, *rigora*. Rigora, kiel la leĝoj de Drakono, *drakona*. Pardoni la pekojn, *absolvi*. Pardono de registaro al kulpuloj, *amnestio*.

Mallaŭdi iun por lin hontigi, *riproĉi*. Severe riproĉi, *admoni*. Puni devigante pagi monon, *monpuni*. Forpreni kiel puno por la ŝtata trezorejo, *konfiski*. Senigi je la posedo de bonafide akirita havo, *evikcii*. Malpermesi provizore al ŝipo la elveturon el la haveno aŭ ĝian malŝarĝigon, *embargi*.

Forlasi sian landon por ekloĝi en fremda lando, *migri, emigracii*. Forlasi sian landon pro puno aŭ por eviti punon, *ekzili*. Senrajta kondamno al ekzilo dum tempo de ekstera aŭ interna milito, *proskribo, proskripcio*. Juĝo en la antikva Grekujo kondamnanta al ekzilo civitanon danĝeran por la ŝtato, *ostracismo*.

Kapti iun por lin malliberigi, *aresti*. Mallarĝa kaj malluma ĉelo en malliberejo por punitoj aŭ kondamnitoj, *karcero*. Ĉeno por malliberigi krimulojn, *kateno*. En Hispanujo, estro de kelkaj malliberejoj, *alkajdo*. Punlaboro, *galero*. Koloneto al kiu oni ligis iam krimulojn por montri ilin al la popolo, malhonoriga kolono, *pilorio*. Vipo kun mallonga tenilo kaj mallonga dika rimeon, *skurĝo*. Vipo por kondamnito en la iama Rusujo, *knuto*. Torturi akuzitojn por devigi ilin konfesi, *torturi*. Leĝe mortigi akuziton, *ekzekuti*. Podio sur kiu oni ekzekutas, *eŝafodo*. Senkapigi la kondamniton al morto per maŝino elpensita de franca kuracisto Guillotin, *gilotini*. Najli en kruco por ekzekuti, *krucumi*. Punmortigi iun sen juĝista verdikto, kiel okazas en iaj urboj, precipe de Usono, *linĉi*. Kelo de kastelo, kie oni faligis tiujn, kiujn oni volis malaperigi, *forgeskelo*.

**Internacia politiko.**—Ligo kuniĝo de sendependaj regnoj por komuna agado en eksteraj aferoj, kiuj koncernas ĉiujn kune, *fede-*







**VIDAĴOJ DE LA EKSPOZICIO**

*Personoj kaj societoj, kiuj telegrame aŭ letere salutis kaj bondeziris nian XI-an Hispanan Esperanto-Kongreson*

Cámara Oficial de Comercio, Industria y Navegación de la Provincia de Santander, Santander.
Cámara Oficial de Comercio, Industria y Navegación de la Provincia de Sevilla, Sevilla.
Aŭstria Esperantista Federacio, Vieno.
Osw. Jeschonek, Glewitz (Alemania).
Grupo Esperantista de Cocentania, Cocentaina (Alicante).
XXVIII[a] Universala Kongreso de Esperanto, Vieno.
Juan Puerto Pérez, Jerez de la Frontera (Cádiz).
Circol del Liceu, Barcelona.
S-ro Oddino Morgari, Itala eks-deputito, Parizo.
Jozefo Marco, Manzanera (Teruel).
Aŭstria Esperantista Asocio, Vieno.
Juan Calahorra Soler, Madrid.
Astura Esperanto Societo, Gijón.
Société Française pour la Propagation de l'Esperanto, Parizo.
Ukrania Esperanto Societo en Lvovo, Lvovo (Polujo).
Grupo Esperantista Laborista, Valencio.
Foment del Traball Nacional, Barcelona.
Internacia Esperanto Muzeo, Vieno.
Belga Ligo Esperantista, Antverpeno.
Lingvo Libro, Budapest.
Gazeto USE-EĤO, Timiŝoara (Rumania).
Urbestraro de Rute (Córdoba).

* * *

*Lastaj aliĝintoj.*—Gesinjoroj: José Carnicer, el Zaragoza; Antonio Martínez Carracedo, Manuel Costa Dequita kaj Jozefo Ezquerra Berges, el Barcelona; Feliciano Oliván kaj Antonio Roig Torrent, el La Rivera (Murcia); Salvador Palomares Espí, Manuel Noguera Gracía kaj Vicente Palomares Grau, el Tabernes de Valldigna (Valencia); Jesús Mirasol Esteve, Segundo Muñoz Mirasol, Angel García Sánchez, Ernesto Martínez Pérez, Manuel Cortés, Ricardo Cortés Sánchez, María Ramírez Adrián, Trinidad Rodrigo Romírez kaj Dolores Hernández Puche, el Cheste (Valencia); Fidel Orobigt, el Campins (Barcelona); Jaume Font Galí, el Villanueva y Geltrú (Barcelona); Jaume Miró Gené, Barcelona; Carmen Bengoechea Bilbao, el Sestao (Vizcaya); Laŭrino Dechaux, el Remonot (Galley, Francujo); Concepción Roca Brugués kaj Martín Buscató, el Barcelona;

Juan Régulo Pérez, el Santa Cruz de la Palma (Canarias); Rafael Palomares Chaves, el Valencia.

Excelentísimas Diputaciones Provinciales de Huesca, Sevilla, Burgos, Santander, Málaga, Cáceres, Avila, Zaragoza, Albacete, León kaj Vizcaya.

Excelentísimos Ayuntamientos de León, Castellón de la Plana, San Sebastián, Almería, Pamplona, Las Palmas (Canarias) kaj Córdoba. Ayuntamientos de la anteiglesia de Baracaldo (Vizcaya), San Roque (Cádiz), Sestao (Vizcaya) y Mieres (Asturias). Ajuntaments de Hospitalet de Llobregat, San Feliú de Llobregat, Villanueva y Geltrú, Villafranca del Panadés, Mataró kaj Manlleu, el Barcelona; de Valls kaj Vinbodi, el Tarragona; de Casas de la Selva, Lloret de Mar kaj Palamós, el Gerona; de Les Planes de Hostoles kaj de Castelladral (Barcelona).

Cámara de Comercio e Industria (Gerona), de la Propiedad Urbana (Barcelona), del Comercio y Navegación (Barcelona), del Comercio e Industria (Sabadell, Barcelona), del Comercio, Industria y Navegación de Almería y de Las Palmas de Gran Canaria, kaj del Libro (Madrid).

Doganat de Mestres Nacionals (Barcelona); Orfeó Catalá (Barcelona); Ilustre Colegi d' Advocats (Barcelona); Asociació d' Hotelers, Cafés, Bars i Similares de Cataluña (Barcelona); Societat d' Atracció de Forasters (Barcelona); Circol Artistic (Barcelona).

## Instruistoj interrilatu kun Hispanujo

Hispana Esperanto-Asocio celas okazigi ekspozicion pri ĉio farita de infanoj en lernejoj, en kiuj oni instruas Esperanton. Pro tio ni starigos premiojn sufiĉe gravajn, por premii la dek lernejojn, kies manlaboritaĵaroj instruplanoj k. c. estos plej altavaloraj. La manlaboritaĵaro de la infanoj devos prezenti la evolucn de la laborkapableco de la infano eklaborinta ĝis la infano plej sperta, kiam ĉi tiu jam tuj forlasos la unuagradan lernejon. La ekspozicio koncernos Svedujon, Baltajn landojn, k. c., entute naŭ landojn en Nord-Orienta Eŭropo. Eĉ la lernejoj ne gajnintaj premiojn ricevos kompense Esperantan kolekton de libroj.

Bonvolu skribi al la subskribinto pri via ebleco helpi por sukcesigi la planon. Eĉ malgranda kolekto de iu lernejo estas grava. Pro tio mi nepre atendas ricevi respondon el multaj lokoj.

Adreso: JULIO MANGADA ROSENÖRN. Strato Vallehermoso, 57, Madrid.

# AL LA HEAANOJ

Denove la unuanima voĉdonado de la heaanoj en la XI[a] Kongreso de H. E. A. decidis al mi la prezidantecon, kaj mi tutkore dankas la konfidon, elpruvitan de la decido; sed mi devas tute klare averti, ke la bona funkciado, progresado kaj efiko, de nia Asocio, ne nur dependas de la Direktanta Komitato, sed precipe de la lojala plenumado de devoj ĉies laŭ la regularo, kiun konstante direktantoj kaj direktatoj devas atenti, ĉar agado ĉies laŭ la precizaj normoj, kun tuta forlaso de ĉio pri personaj partikularaj diferencoj, kun lojala firma kunlaborado al sola komuna celo: *disvastigi Esperanton ĝis kiam ni atingos la triumfon,* estas reale tio, kio efikas. Ni devas konstante ripetadi, ke la celo de H. E. A. estas disvastigi kaj apliki la lingvon «*Esperanto*» en Hispanio, akceli ke la Ŝtato oficiale alprenu ĝin kaj ĝin instruu en la lernejoj, kaj faciligi ĉiel la uzon de la lingvo. Nia celo, do, ne povas esti indiferenta al kiu ajn esperantisto, ĉu heaano, ĉu neheaano; kaj tial ke *unuiĝo estas forto,* kaj *unuiĝo ne estas perdo de individua aŭ pli-malpli granda ara libereco en la movado mem,* ĉiuj esperantistoj devas partopreni nian laboron, kiu ne baras aŭ malhelpas ilian apartan laboron ĉu individuan, ĉu aran, tial ke la III[a] artikolo de la Regularo de H. E. A. devigas al kunlaborado al komuna celo kaj postulas ke H. E. A. apogu ĉiam morale kaj materiale laŭeblo. Neniu, kiu iam estis heaano, kiu neniam estis heaano, rajtas diri: «*Mi ne povas partopreni laboron de H. E. A. ĉar ĉi tiu ne ŝatas, aŭ ĉar ĉi tiu ne konsideras min plenmerita al tiu laboro*», ĉar H. E. A., en la agado al komuna celo pri disvastigo, oficialigo, uzado kaj aplikado de ESPERANTO, ŝatas ĉiujn samideanojn, konsideras ĉiujn plenmeritaj, kapablaj kaj tute indaj en siaj vicoj, en kiuj nur regas litero kaj spirito de nia Regularo por alĝustigi kaj alĝustigi konduton ĉies.

Ĉiu heaano estas devigata atentigi la neheaanojn, ke nia neŭtrala Asocio, *tutlanda esperantista fronto kun komuna celo kaj programo,* neniel baras kiun ajn socian, politikan, religian, k. t. p., celon de apartaj esperantistoj dezirantaj ampleksigi la komunan celon kaj programon en apartajn kampojn laŭ difinita aparta vidpunkto, por kies aparta jam ne neŭtrala laboro, oni povas profiti la moralan apogon eĉ la materialan eblan de H. E. A. Ekzemple: *Sennacieca Asocio Tutmonda* (S. A. T.), tute malneŭtrala esperanta organizaĵo, organizis kaj efektivigis la Kongreson de Valencio. Atentanta nur la komunan celon al ĉiuj esperantistoj: *propagandi, disvastigi Esperanton,* devigate de nia Regularo, flanken de la malneŭtrala tendenco de la Kongreso,

H. E. A. helpis morale la organizintojn, kaj materiale, donacante librojn por ke la Organizkomitato, per ilia vendado, havigu al si monrimedojn, petante kiel eble plej efike al la Nacia Patronaro por Turismo subvencieton al la Organizkomitato por pago de propagandaj poŝtelspezoj, informante kiel eble plej bone pri la Kongreso al tiu Institucio, kaj sukcesante. Ĉi tiu atentigo devas esti farata konstante, vidigante la utilon aparteni al H. E. A. sen perdo de libereco por kia ajn celo, ĉar vera heaano ne estas tiu, kiu pagas sian kotizon kaj profitas ĉion, pri kio rajtigas la pago; vera heaano estas tiu, kiu, krom la pago, propagandas nian celon, konvinkas pri nia Asocio, varbas membrojn al ĉi tiu kaj eĉ arigas aŭtonome la membrojn por plej efika agado difinita en specialaj aŭ partikularaj kampoj de la nuntempa vivo, petante ĉiam la solidarecon starigitan de nia Regularo.

Mi esperas, ke ne nur la heaanoj sed la ankoraŭ ne aliĝintoj al H. E. A. finos konscii la realon pri nia movado, pri nia Asocio, kiu eksterordinare vigliĝos per ni mem okaze de interkompreno, de toleremo, de lojala sincera kunlaborado al komuna celo, unuvorte, per justa ZAMENHOFA SENTO.

Antaŭen! Korajn salutojn al ĉiuj

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## VOCABULARIO ESPAÑOL-ESPERANTO

Han sido ya editados los cuadernos tercero y cuarto, terminando la página 64 en la palabra *indeclinable*; pronto lo serán los cuadernos quinto, sexto y cuanto está ya ultimado, que es hasta la mitad de la P. La obra tendrá unos doce cuadernos, y el autor procura dar a su trabajo la mayor celeridad a fin de terminarlo lo antes posible.

Los cuadernos se pueden ya facilitar al precio de cuarenta céntimos ejemplar de cada uno para el miembro de H. E. A., pero sin que éste pueda adquirir más de un ejemplar por cuaderno, y con objeto de facilitar a los *heaanos* el máximo beneficio posible, los que remitan 2,50 pesetas al tesorero de la Asociación antes del día 30 de agosto inmediato, recibirán todos los cuadernos del Vocabulario, resultándoles éste por TRES PESETAS. A partir de aquella fecha tope, el precio seguramente se duplicará cuando menos.

Para la mejor distribución de los cuadernos, en evitación de incidentes y de toda clase de reclamaciones, los *heaanos* deberán hacer el giro a D. Benito Anguiano, Paseo de Extremadura, 74, y la correspondencia al Apartado de Correos 1.089.

**PRI LA KALENDARO**

## LA SESTAGA KAJ OKTAGA SEMAJNOJ

Oni ja scias ke ĉiu meridiano de la Tero havas sian privatan horon, kaj ke por malgrandigi la malhelpaĵojn ke tio kaŭzas, oni starigis konvenon, laŭ kiu la tera surfaco estas dividata en 24 fuzoj, ĉiu kun la sama horo. Sekve, kiam en Hispanujo (hora fuzo de Greenwich) estas tagmeze de ia merkredo, en Mezeŭropo estas la unua posttagmeze; en Orienteŭropo, la dua; en Japanujo, la naŭa vespere, k. t. p., dum en Kalifornio estas la kvara matene de la sama tago.

Por ŝipanoj ke en tiu-ĉi momento vojaĝas de Japanujo al Kalifornio, aŭ kontraŭe, kaj trapasas la horan fuzon de la insuloj Fidji estas noktomeze, sed de kia tago?

Laŭ la konveno, por la vojaĝantoj de Japanujo al Kalifornio estos noktomeze de merkredo al merkredo; do ili havos oktagan semajnon kun du merkredoj. Kompense, por la pasaĝeroj de Kalifornio al Japanujo estos noktomeze de mardo al ĵaŭdo; do ili havos senmerkredan sestagan semajnon.

Oni decidis ke dimanĉo estu neforigebla tago. Kiam oni vojaĝas okcidenten tra ĉi-tiu hora fuzo dimanĉon, oni konservas la dimanĉon kaj forigas la sekvantan tagon, la lundon. Tiamaniere la kristanoj povas festi tiun sanktan tagon.

## ESPERANTO EN LA INTERNACIA PEDAGOGIA KONFERENCO

En Utrecht okazis de la 14ª ĝis la 30ª de nunjara aprilo la Internacia Pedagogia Konferenco de New Educatino Fellowship vizitata de pli ol 700 kongresanoj el diversaj landoj de Eŭropo, inter kiuj estis universitataj profesoroj, gvidantaj pedagogoj kaj la instruistaro de diversgradaj lernejoj; el ili pli ol 20 esperantistoj-instruistoj.

Por solvi la problemon de la diverslingvecon oni aranĝis tradukĉambrojn kie la tradukantoj, armitaj per aŭdiloj, aŭskultis la prelegojn diratajn antaŭ la mikrofono, kaj devis *samtempe traduki*. Kompreneble oni tradukis nur parton, maksimume unu kvaronon, kaj la traduko ofte estis erara. La kompatinduloj, kiuj ne komprenis la lingvon de la parolanto, sidis en tiuj ĉambroj, sed la rezultatoj ne estis kontentigaj. Tial finfine oni uzis la manuskriptojn tradukante ilin en diversaj ĉambroj. Mi jam ĉeestis multajn neesperantajn kongresojn kaj ĉiam mi

spertis la samon. Tion trafe ankaŭ akcentis la kongresprezidanto dirante ke kongresoj nur tiam povos sukcesi kiam uzos nur Esperanton kiel la kongreslingvon por ĉiuj tradukoj. Li diris: «La kongreskomitato faris ĉion eblan, elspezis multe da mono, por ke la konferenco bone sukcesu. Ni instalis parolil- kaj aŭdilaparatojn, ni konstruigis aŭdĉambrojn, en kiuj la interpretistoj tradukas. Kvankam ili bone kaj perfekte regas la kongreslingvojn, tamen oni ne estas kontenta kaj ne povas esti kontenta. La kaŭzo estas la diverslingveco kaj la neuzado de unu sola kongreslingvo. Se ĉiuj komprenus Esperanton, la kongres-aranĝoj estus pli facilaj kaj pli malmultekostaj, pli agrablaj; tial mi rekomendas al ĉiuj lerni Esperanton. Mi decidis jam antaŭ kelke da tempo tuj post la kongreso enkonduki Esperanton en mian lernejon; sed ne nur la gelernantoj de mia lernejo sed ankaŭ la instruistaro kaj mi lernos Esperanton, kaj en mia lernejo oni devige instruos la helplingvon.»

Tiu-ĉi konkludo estis sekvo de dokumentita referato, kiun mi faris la 16-an kaj de la paroladoj de sinjorino Isbrücker (nederlande) kaj S-ro Cshe (esperante), kiuj la 17-an kompletigis referaton. Multaj kongresistoj fariĝis firmaj adeptoj de nia lingvo kaj tre certe ili instruos ĝin en siaj lernejoj. La kongresprezidanto S-ro Kees Boeke, inter la fakuloj fame konata moderna pedagogo, certe daŭrigos energie sian laboron por nia bela kaj utila lingvo. Tiun sukceson ni devas ankaŭ danki al esperantaj gazetoj, kiuj subtenis efike la propagandon, kaj al Utrecht'a Esperantista Rondo, kiu dum la kongreso aranĝis belan ekspozicion.

(Resumo de artikolo de profesoro JULIUS GLUECK publikigita sur «*Heroldo de Esperanto*»).

* * *

Oni petas disvastigon de tiuj-ĉi sciigoj sur la nacia ĵurnalaro kaj sendon de kelkaj ekzempleroj de la koncernaj numeroj al Prof. Julius Glueck, Korte Jansstraat, 15-bis, Utrecht, Nederlando.

---

## POST LA XI<sup>a</sup> HISPANA ESPERANTO-KONGRESO

GESAMIDEANOJ!

Al ĉiuj, al kiuj estis eble ĝui la ĉeeston kaj partoprenon en la laboroj de nia solena kaj grava XI[a] Kongreso okazinta en ĉi tiu urbo; al vi, kiuj malgraŭ la ĉiuspecaj nuntempaj malfacilaj cirkonstancoj penis por, okaze de la Kongreso, viziti kaj koni la urbon, kiu estas arĥivo de la ĝentileco, progresema, arta muzeo kaj laborema. Urbo inda je plej bona sorto de la esperanta vidpunkto, tial ke dank' al

entuziasmo, obstino kaj klopodoj de H. E. A., de ĉiuj gekongresanoj kaj de la nelacigebla laboremo de la ĉi tieaj HEAanoj, sur kiuj pezis giganta laboro, estis eble okazigi esperantan Kongreson, kaj forgesante ne iun, mi devas konstatigi la fervoran kaj entuziasman esperantan laboremon de nia estimata kaj admirinda familio Anglada, kies edzino, S-ino Rosalía Fernández de Anglada estis la animo de la laboroj por ke nia Kongreso estu plensukcesa. Ankaŭ oni devas mencii la filon Antonon Anglada, kiu kvankam estas nur amatora presisto, per manpresmaŝino dum tagoj kaj noktoj presis ĉion rilatan al la Kongreso, helpita laŭeble de la aliaj du fratoj. Pri samideano Anglada nenion mi diros, ĉar sufiĉe konata li estas. Al ĉiuj, do, kiuj partoprenis la kongresorganizon, kvankam mi ilin ne nomas, bonon de nia esperanta movado ili meritas.

Al ĉiuj nepovintaj partopreni la Kongreson nekankaŭ mi forgesas, nur mi bedaŭras, ke pro la cirkonstancoj ne estis eble al mi ilin saluti, kaj ke ili perdis grandan okazon koni la belaĵojn de nia urbo gaj ĝui la ekskurson al la nekomparebla loko Montserrat.

Certe vi jam legos en alia loko de nia revuo la gravajn aliĝojn de la plej altaj aŭtoritatoj, kiel Liaj Moŝtoj, Prezidanto de la Respubliko, Prezidanto de la Registaro, Ministro de la Publika Instruado kaj Prezidanto de la Ĝeneralregistaro de Katalunujo, kiuj bonvolis akcepti la Honoran Prezidantecon. Ankaŭ aliĝis al nia Kongreso diversaj Deputitaroj, Urbestraroj kaj Korporacioj, kiuj montris sian fervoron kaj entuziasmon por la seriozeco de nia laboro, speciale la Deputitaro de Burgos, kiu estis persone reprezentita, kiel ankaŭ la Rektoro de la Universitato, Barcelona Komerca Ĉambro, k. t. p.

Tutkore mi dankas la Kongreson, tial ke neniam mi povis imagi esti ĝia Prezidanto; dankon al ĉiuj, do, pro tiu honoro al mia modesta persono.

Oni devas danki la Barcelonan ĵurnalaron pro ĝia simpatio kaj helpo al niaj kongresaj laboroj, escepte la ĵurnalon «El Diluvio», kiu kun celo inda je pli bona kaŭzo klopodis kontraŭstari kaj bojkoti la Kongreson; tamen kaj spite de tiu agado, la Kongreso estis sukcesplena.

Kongresanoj! Pretiĝu se eble por ĉeesti la XII-an Hispanan Esperanto-Kongreson, kaj malgraŭ la baroj ne forgesu, ke ni estas pacaj batalantoj, kies celo estas unuigi ĉiujn bonvolulojn.

Vivu Esperanto! Vivu la XIª Kongreso!

F. PIÑOL MAGRANÉ

*Prezidanto de la XIª Hispana Esperanto-Kongreso.*

Barcelono, junio 1936.

# ENLANDA KRONIKO

*Málaga.*—Ĉiumerkrede kaj ĉiuvendrede de la 8ª ĝis la 9ª vespere klarigas kurson de Esperanto en la societo de Los Exploradores (skoltistoj) S-ro Baudín Agüero, profesoro kaj direktoro de la «Grupo Escolar Bergamín».

* * *

*Sevilla.*—Ĉe Vegetarana societo «Salud y Cultura» (strato Luis de Vargas, 4) ĵus komencis nova kurso de Esperanto.

* * *

*Madrido.*—Dum la lastaj tagoj de majo ni havis la plezuron saluti ges-roj Yelland, anglaj gesamideanoj, kaj S-ron Prabucki, pola esperantisto, kiu venis el Afriko kaj ekmarŝis al nordo de Hispanujo daŭrigante sian esperantan vojaĝon.

* * *

*Valencia.*—Daŭrigante plurjaran kutimon, ankaŭ nunjare Esperanto havis standon en la «XIX Valencia Internacia Specimenfoiro (Hispanujo)», kiu okazis dum majo. En ĝi estis prezentataj afiŝoj pri eksterlandaj similaj foiroj kaj ankaŭ bildoj montrantaj la aplikon de la lingvo al turismaj celoj. Samideanoj deĵorantaj tie disdonadis propagandilojn al la vizitantoj. La stando aspektis bele kaj ĝi altiris al si la atenton de la publiko.

La «Grupo Esperantista Valencia», organizinto de la ekspozicio, petas la geesperantistojn el ĉiuj landoj, ke ili sin turnu al «Comité de la Feria de Muestras - Valencia», kun peto, ke oni presigu esperantlingve la eldonotajn murafiŝojn kaj faldfoliojn pri la venontjara Foiro.

* * *

*Sabadell.*—Por grava esperanto-ekspozicio dum la Sabadell-aj ĉeffestoj oni petas bonvolan alsendon de ĉiuspecaj reklamiloj, pri aŭ en esperanto. Al ĉiuj antaŭsendas sincerajn dankesprimojn APLEC. ESPERANTA GRUPO (strato Montserrat, 9, 1.°, Sabadell, Barcelona, Hispanujo).

* * *

*Propagando per gazetoj.*—Sur la grava gazeto «El Magisterio Español (numero de la 28ª-majo-1936ª) ni legas interesan artikoleton de S-ro Salvador Dasi komentante la novaĵon ke en la Konferenco de la Asocio por Nova Edukado (Utrecht, Nederlando) oni uzis Esperanton kiel oficiala lingvo, flanke de la franca, angla, germana kaj nederlanda, kaj ke en Oslo oni akceptis konkludojn pri enkonduko de Esperanto en la unuagradaj lernejoj.

Ni gratulas al S-ro Dasi sian propagandon kaj konsilas denove al heaanoj, ke ili utiligu tiel multe kiel eble la nacian gazetaron, ĉu por propagando de nia lingvo, ĉu por diskonigo de novaĵoj konitaj dank' al Esperanto.

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

NOVAJ GVIDLIBROJ KAJ GVIFOLIOJ PRI AŬSTRIO.—*Aŭstrio*. Belege, laŭ artisma vidpunkto eldonita, 32-paĝa gvidlibro tra l' lando de la XXVIII-a. Priskribas turismajn kaj kultur-historiajn atrakciojn de Vieno kaj de ĉiuj federaciaj landoj de la ŝtato. Sekvas detala listo de banlokoj, aer-kuraclokoj kaj someraj restadejoj, veturado sur Danubo, sporto kaj popolkostumoj en Aŭstrio. Amaso da perfekte reproduktitaj fotoj de pejzaĝoj ilustras la tekston. Geografia karto estas aldonita. Kolora kovrilo prezentas Tirolanon kaj Tirolaninon en iliaj ĉarmaj popolkostumoj.—Eldoninto: Österreichische Verkehrswerbung (Varboficejo de Ministerio por Komerco kaj Trafiko), Wien, I. Nibelungengasse 4.

*Karintio*. Pri tiu montara kaj turisme tiom alloga federacia lando de Aŭstrio aperis tre gustoplene eldonita 16-paĝa faldprospekto kun agordeplenaj bildoj kaj ampleksa kolora montar-karto de Karintiaj pejzaĝoj. Eldonis «Landesamt für Fremdenverkehr in Kärnten», Klagenfurt.

*Klagenfurt*. Ankaŭ la ĉefurbo de Karintio, Klagenfurt, aperigis specialan esp-an prospekton 8-paĝan kun ĉio sciinda pri si kaj Lago de Wörth, apud kiu ĝi kuŝas. Eldonis: Städtisches Fremdenverkehrsbüro, Klagenfurt, Rathaus (Urbdomo).

Ĉiuj nomitaj gvidiloj estas haveblaj kontraŭ unu respondkupono ĉe Universala Kongreso de Esperanto, Wien, I, Neue Burg.

* * *

Dum la venonta septembro esperanta traduko de la fama verko de Edmondo de Amicis *Koro* aperos. Prezo: broŝurita 12 italaj liroj; tolbindita, 18. Krome, du liroj por afranko. Eldonejo Literatura Mondo, Budapest, akceptas antaŭpagitajn mendojn kun rabato antaŭ ol la publikigo de la verko.

—Panjo: mi ne volas edzigi Rikardon; li diras ke ne estas infero.
—Trankviliĝu, mia kara, kiam li estos via edzo, ni ja konvinkigos lin ke infero ekzistas.

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### *LA SUMO*

Per la dek ciferoj, 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9 kaj 0, prenante ĉiun nur unufoje, skribu du numerojn kies sumo estu 100.

* * *

### *LA MAGIAJ NUMEROJ*

Jen kvar paperpecoj, kun kvar numeroj 20, 33, 32 kaj 25, neperfekte skribitaj.

Bonvolu eltondi la kvar paperpecojn (aŭ plibone, unue trakopii kaj poste eltondi la trakopiaĵon, por ne kripligi la gazeton), kaj kombini ilin tiamaniere ke la kvanto vidata estu *nulo*.

Kompreneble, oni ne permesas faldi la paperojn nek meti ilin kun la dorsflanko supren.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

### *SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO*

*La moneroj.*—La fraŭlino diris: —Sumu la nombron de moneroj de via *dekstra* mano kun la duoblo de tiuj de via maldekstra kaj diru al mi ĉu la sumo estas para aŭ nepara nombro.

—La sumo estas para—respondis la junulo.

—Ankaŭ estas para la nombro de moneroj de via *dekstra* mano.

*Litera turo.*—t—v, l—e—ro—iv—tri—tro—kvar—lito—vorto—vo, ko—vokalo—litero—lv, il—vertikalo.

* * *

Samideano deziras interŝanĝe kaj periode doni revuon *Esperanto* de U. E. A., por alia Esperanto revuo. Proponoj al V. H. Antoraz. «Bazar Casita», Alaejos (Valladolid). Hispanujo.

## LETERO EL «AŬSTRIA ESPERANTO ASOCIO»

Tre estimata redakcio!

Leginte en kelkaj ĵurnaloj la sciigon, ke ĉe ni en Aŭstrio estas fondita nova tutlanda organizaĵo sub la nomo «Aŭstria Esperantista Federacio», kiu intencas kunigi en si ĉiujn Esperantistajn organizaĵojn de la lando, ni petas publikigi en la venanta numero de via ŝatata organo sekvantan reĝustigan informon:

La sola oficiala organizo de l' neŭtrala Esperantistaro en Aŭstrio estas «*Aŭstria Esperanto-Asocio*», Wien, I. Neue Burg. Nur ĝi portas la respondecon por ĉiuj oficialaj aranĝoj de nia movado en nia lando antaŭ nia registaro kaj antaŭ la internacia Esperanto-movado. Ĉiu alia organizo en Aŭstrio (ankaŭ la «Federacio») estas fondaĵo absolute privata, nealiĝinta al U. E. A., kontrolata de neniu supera Esperanto-instanco, kies sintitolado kiel «tutlanda» Esperantista organizo estas nur taŭga por semi konfuzon kaj malklarigi la efektivan staton de la afero.

*Aŭstria Esperanto-Asocio* (Landa Asocio de U. E. A.). Wien, I. Neue Burg. Heldenplatz.

* * *

## LETERO DE JAPANUJO

Karaj samideanoj!

Estante fervora kolektanto de infanaj libroj (gazetoj de bildoj) mi tre petas pri alsendo de libroj, speciale de bildaroj por infanoj. Mi volonte rekompencos per alsendo de belaj japanaĵoj aŭ poŝtmarkoj laŭ via elekto! Koran dankon kaj saluton:

*Kiyoshi Ikegawa*. Komisiito de Aiikukai (Societo de Infanprojekto). Dooĵun Bld., Uĉisaiŭaiĉo-2, Kooĵimaĉi-ku, Tokio, Nipponlando.

* * *

## DEZIRAS KORESPONDI...

—Hugo J. Ceretti, inĝeniero (strato 9 de julio, 301, Rosario de Santa Fe, Argentino). Pri profesiaj aferoj kun inĝenieroj kaj teknikistoj pri fervojo kaj radio.

—Johano Fakkemberg, 16-jara (Wandeloorslo strato, 29, Rotterdam, Nederlando). Kun eksterlandanoj. Li lernas anglan, francan kaj germanan lingvojn.

---

—Vi neniam parolas—diris deputito al alia—mi tre deziras almenaŭ vidi vin malfermi la buŝon.

—Mi tion faras ofte—respondis la alia—, ĉar ĉiam kiam vi paroladas mi oscedas.

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

NOTA.—El articulito *Du fervojistoj oferdonitaj*, publicado en el número anterior, está traducido de la revista del personal de las Redes del Norte y M. Z. A., llamada «Ferroviarios», por D. José María Coll.

## LETRAS DE LUTO

El día 29 de abril pasado falleció en nuestra ciudad el fervoroso esperantista ferroviario compañero Arturo Domenech.

La Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña se asocia al sentimiento que embarga a su distinguida familia, en la que figura el también prestigioso esperantista Jaime Grau Casas, y les acompaña en su justísimo dolor, tanto por ellos como por el esperanto en general, pues es una pérdida irreparable.

El finado compañero estaba en el servicio de Intervención y Estadística, y en el campo esperantista deja obras dignas de todo encomio como poeta, ya que mereció el galardón de ser premiado en cuatro Juegos Florales Internacionales con la flor natural.

Descanse en paz después de la lucha.

## UTILIDADES DEL ESPERANTO

Las características especiales del hombre son muy varias, aunque para encontrarlas hay que fijarse más bien en lo que sabe y en lo que ha leído y ha podido aprender durante los años que de vida lleva.

La vanidad, la necia vanidad y el orgullo corren muchas veces parejas en el ser humano, y aunque vea claramente que quien con él habla tiene razón en lo que dice, por no revocar una palabra, por haberse puesto en el camino de no reconocer la verdad, niegan hasta la evidencia lo que está más claro que la luz del Sol.

Casos como el que voy a referir me he encontrado infinidad de veces; pero citaré sólo éste, por ser el último.

Hace pocos días me encontraba hablando con un compañero de trabajo, a quien deseo esperantizar, discutiendo sobre la utilidad de esta lengua auxiliar internacional, que, según él, es tan difícil que ni nosotros mismos nos entendemos.

—¿Tú no comprendes—me decía—que no puede ser que hable

igual un ruso, un japonés, un alemán y un español, si en Cataluña mismo hay cuatro provincias y ninguna habla el mismo catalán? ¡Qué digo provincias!... Pueblos a lo mejor distantes solamente tres o cuatro horas uno del otro, y ya hablan diferente.

—Comprendo—respondíle yo—que así lo creas; pero debo advertirte que estos pueblos, como tú dices, hablan la lengua que en cada pueblo han aprendido o les han enseñado sus mayores, mientras que nosotros hablamos igual porque nos basamos todos en una misma gramática, en unas mismas reglas, en un mismo diccionario, etc., etc. En mi casa, sentados junto a la mesa de mi despacho, han estado personas de varias naciones, ingleses, dinamarqueses, alemanes, austríacos, franceses, un polaco, un japonés y hasta uno de Nueva Zelanda que hablaba el inglés y el francés, y todos nos hemos entendido perfectamente, siendo yo la mayor medianía hablando el Esperanto. Otra cosa que puede demostrarte la utilidad que tú le niegas, es que mi modesta persona fué nombrada Presidente de la Sección de Barcelona de «Ciudades Ferroviarias», entidad filial de la «Asociación General de Empleados y Obreros de los Ferrocarriles de España», y al desempeñar dicho cargo deseé averiguar el asunto «Casas Baratas» como estaba en el Extranjero, y como soy socio de «Universala Esperanto Asocio (U. E. A.)», me dirigí al delegado de Bruselas, D-ro. Paul Kempencers, preguntándole sobre tan, para mí, importante asunto, y a los cuatro días recibí una postal, en la que me decía que él no podía darme los detalles que le solicitaba, pero que remitía mi carta al delegado de Antverpent, Sr. Fr. Schoofs, que era en aquel entonces secretario de la Sociedad de «Casas Baratas» de aquella ciudad; y, efectivamente, a los siete días recibí, no sólo la contestación del señor Schoofs, sí que también me envió un periódico ilustrado que se publica allí, con los planos y fotografías de los diversos edificios levantados por aquella entidad. ¿Tú crees que sin entender ni hablar el francés y el flamenco, que son las dos lenguas que allí se hablan, lo hubiera podido hacer si no fuera por el esperanto? Pues aquí tienes otra muestra de su utilidad, y te podría citar tantas, que no acabaríamos el artículo.

Pues con tan buenas demostraciones aún no quedó el hombre convencido; pero yo lo convenceré a que lo aprenda y lo practique. Yo no desmayo nunca.

JOSÉ M. COLL

---

**LA NOVAJ ELEKTRAJ TRAJNOJ DE AMERIKO**

Mr. Ralpk Budd, prezidanto de la «Chicago Burlington and Quincy», anoncis la 20-an de januaro ke la Kompanio decidis fari

servon per la kvina kaj sesa trajnoj, kiuj estas faritaj de neoksidegebla ŝtalo modelo «Zephir».

La unuaj konstruitaj trajnoj konsistas el kvar veturiloj. La novaj trajnoj konsistos, ĉiu, el dekdu vagonoj, iaj sendependaj kaj aliaj kunigitaj per komunaj, ŝtalaĵretoj por grupigi ilin kaj provizitaj de ĉiaj nuntempaj konfortoj.

Tiuj ĉi trajnoj estas destinataj cirkuli de Chicago ĝis Denver (1.015 mejloj same 1.633 kilometroj) kaj ili trairas tiun interspacon en dekses horoj (102 kilometroj po horo). Ĉiu trajno kostos 100.000 sterlingojn (3.630.000 pesetojn).

Ekstere, la novaj trajnoj ne estas pentritaj kaj oni vidas la neoksidigeblan ŝtalon. La haltigiloj estas du aŭtomataj ferkusenoj, kiuj evitas la glitiron de la radoj.

Ĝi havos salonoj por fumi kaj ludi en kiuj la vojaĝantoj povas aŭskulti la radiojn de ĉiuj landoj.

---

## LA GRANDAJ RAPIDECOJ

Estas tre konitaj la grandaj rapidecoj atingitaj de la germanaj aŭtomotoroj; oni rememorigas ke la plej granda rapideco atingita sur fervojo (210 kilometroj po horo) estis atingita de germana elektra aŭtomotoro dum la jaro 1903[a], malgraŭ tio, ĉi tiu veturilo neniam funkciis regule pro la granda konsumado da energio, kiu estis necese por ĝia funkciado.

Ankaŭ funkcianta per vaporo atingis la germanoj la plej grandan rapidecon (192 kilometroj po horo) per maŝino konstruita en la laborejo «Borsig». Por fari komparaĵon kun la francaj fervojaj servoj, oni devas scii ke en nia najbara nacio estas limigita ĝis 120 kilometroj po horo la rapideco de la vaportrajno kaj ĝis 140 tiu de la aŭtomotoro.

Malgraŭ tio se oni kalkulas la du trajnojn, kiuj veturas per komercaj rapidecoj supren 90 kilometroj po horo, Francujo estas la unua inter ĉiuj landoj.

Tamen la trajno de la kompanio P. L. M. kun 200.000 kilogramoj posttrenita per malgranda lokomotivo atingis rapidecon de 152 kilometroj po horo kaj rekuris 512 kilometrojn, kiuj estas la distanco de Parizo ĝis Liono kun du haltoj en kvar horoj kaj kvindek naŭ minutoj. Ankaŭ la lokomotivo 4.707 de P. O. posttrenis dum 40 kilometroj trajnon kun 650.000 kilogramoj kun rapideco de 140 kilometroj po horo kaj alia de la sama Kompanio atingis 152 kilometrojn po horo 405.000 kilogramoj.

Plie de ĉi tiuj provoj, sur la Nordaj linioj kaj sur tiu de la Stato, oni atingis samajn rezultatojn.

## NOVA ELEKTRADO

La 10-an de februaro okazis la inaŭguracio de la elektrado de Vitoria ĝis Salinas de la Kompanio «Vasco-Navarra», kies posedanto estas la Ŝtato.

La taskoj daŭrigos ĝis fino de la elektrado de 137 kilometroj, kiuj estas la longeco de tiu fervojo ĝis la kunigo kun tiu, kiu sekvas al Bilbao kaj San Sebastián, kiuj jam funkcias per elektra forto.

* * *

Oni kredas ke baldaŭ estos faritaj la fervojaj kunligoj, ĉar per registrara Dekreto estas rajtigitaj la sekvantaj elspezoj:

Oni rajtigis la elspezon de 1.475.365 pesetoj kiel kosto de la kvina parto de la unua Sekcio laŭ aprobita teknika projekto la 5ª de februaro de 1936ª.

Oni rajtigis la elspezon de 912.033 pesetoj kiel kosto de la stacio «Ministerios» unua parto, dua Sekcio.

Oni rajtigis la elspezon da 912.495 pesetoj kiel kosto de la dua parto, dua Sekcio laŭ aprobita teknika projekto de la 5-an de februaro de 1936ª.

(*Oficiala Gazeto*).

* * *

A fin de evitar el extravío de algún periódico, se ruega encarecidamente a todos los socios de Kataluna Ligo de Esperantistoj Fervojistoj den aviso lo más pronto posible de los cambios de domicilio a esta Secretaría, calle Riera Alta, 62, pral. tercera. Barcelona.

---

## NOTA DEL COMITE

A fin de que todos los compañeros que no lo sepan y deseen aprender el esperanto para poder practicar el idioma auxiliar internacional, desde el número próximo se publicará un curso, dándose una lección cada mes.

Al mismo tiempo, este Comité pide a todos los compañeros que quieran escribir algún artículo para que se enteren de ello los demás compañeros, se le suplica lo mande al domicilio de la entidad, calle Riera Alta, 62, pral. tercera. Barcelona.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926